# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.

Adreso de la Redakcio kaj Administracio : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.




## Turnu la binoklon

Estas konata la fabelo pri la binoklo uzita renverse. Tiam ĉio aspektas al vidanto tre malgranda kaj malgrava. Male se li turnas ĝin al kutima flanko, li vidas ĉion trograndigata.

Legante la gazetojn, aŭdante la paroladojn, oni pensas vole nevole pri konduto kaj iluzio de popoloj unu kontraŭ aliaj.

Neniu kapablas eĉ unu momenton sin enmeti en la ĉemizon de l'najbaro por kompreni kiamaniere li sentas, kaj vidas tion, kio ŝajnas al li plej proksima kaj grava.

Neniu provas imagi kian impreson faros al ceteraj tio, kion li trovas tute natura laŭ sia propra vidpunkto Einstein, granda mezuristo de l'universo, malkovris la relativecon en tempo kaj spaco laŭ mondoj diversaj. En vivo de popoloj oni trovus ĝin tute same per observado.

Sed kiu observas ? Kiu ŝatas observi ? Kiu eĉ provas ?

Krom internacia lingvo en ĉiuj lernejoj, necesus instrui la junularon uzi la binoklon ambaŭflanke. Neniu kutimo pli utilas por faciligi la vivon inter homoj kaj nacioj.

Komuna vero minimuma tiom necesas, kiom senarmigo, por atingi pacon. Unu ne povos okazi sen klopodo al alia.

Se ĉiuj vidas ĉion diverse, malfacile oni konsentos por agi.

Kio ŝajnas al vi ruĝa, tio aspektas al mi nigra, ĉar tiel klarigas niaj ĵurnaloj kaj nacia historio. Kio ŝajnas al mi prava kaj natura, tion vi abomenas kiel kriman kaj danĝeran, ĉar tiel rakontas via gazetaro

Ĉu ni daŭros laŭ tiu muzikaĉo ? Ĉu ni ne komencu rigardi mem la aferojn kaj sendi niajn klarigistojn al libertempo ?

Diras ja la ŝafoj en novelo de Rolland « *Colas Breugnon* » : « Se nur kontraŭ lupoj ni devus nin defendi, ni ja scius nin mem gardi. Sed kiu gardos nin de la paŝtisto mem ? »

La malbonaj paŝtistoj estas tiuj, kiuj instruas iluziojn pri nacio propra kaj nacio najbara. En unu la virtoj amasigitaj, en l'alia ĉiuj krimoj, freŝaj en korbo. Per tiu sola signo vi flaras la trompon. Gardu vin de tia prediko, pli danĝera ol ĉiuj lupoj en bojanta bando.

Ĉiu popolo ja havas bezonojn, esperojn kaj timojn. Tiujn de via nacio vi jam bone konas. Uzu ĉiutage dek minutojn por ekzameni tiujn de la ŝtato translima. Ĝi helpos al via saĝo.

Internacia lingvo necesas kaj urĝas por faciligi nian interkomprenon. Sed eĉ la vortoj restos mutaj, se ni surdigos niajn orelojn. Por kapti la sencon de parolo, gravas meti sin image en la lokon de l'alia. Tiam ĉio malluma klariĝas.

Ni devus eduki la infanojn al ekzercado tiucela kaj provi mem montri ekzemplon. Estas neniam tro malfrue por komenci praktikaĵon. Jam de longe scienco ja konas tiun metodon por sia tekniko. Kial ni ne provus ĝin iomete, por savi niajn vivojn el malsaĝaj bataloj ?

Ĝi valoras pripenson.

Edmond PRIVAT.

# Nuntempaj problemoj

## La solvo de la tutmonda krizo

En Venecio fondiĝis Komitato por efikigi la eltrovojn en la ekonomia kampo, faritajn de prof. A. M. Trucco. Ili konsistas en la solvo de l'problemo de la komercaj interŝanĝoj. Pro tio la produktado povas ĉirkaŭri de lando al lando je ŝpardonantaj prezoj.

Oni jam ellaboras precizan programon por kunveno kiu okazas la 15 ĝis 18an de Majo, al kiu partoprenas la plej famaj industriistoj kaj bankistoj por starigi fundamenton por la nova ekonomia sistemo.

Dum la diskuto ĉiu povas konstati la grandajn utilojn, kiujn ĉiuj popoloj povos ricevi de la Institucio de tiu ĉi Universala Fondo, taŭga por doni la tiom deziratan ekvilibron.

Necesas unue doni kelkajn konsiderojn pri la kaŭzoj de la tutmonda krizo kaj kalkuli poste la rimedojn.

Atenta ekzameno de la krizo, rilate kun la efikoj, evidente montriĝas ke la kaŭzoj devenas de ne taŭgaj ekonomiaj sistemoj.

Por fariĝi certaj ne perdi la ĉefan vojon tra la mona kompliko, ni devas reveni al la fonto kaj ekzameni la fundamentajn leĝojn de la klasika ekonomio, tiamaniere konkluditajn de G. B. Say: « *Kion oni konsumas, oni tion akiras per la gajno el la vendo de tio, kion oni produktas* ».

Pro tio la ĉefa kaŭzo de la krizo estas la tro malgranda konsumo kompare kun la granda produktado. Foriginte la necesecon de la produktado, aperas la pligrandiĝanta senlaboreco.

Tiu ĉi kategorio de forpelitoj el la aktiveco, kreis parazitecon, kiu ĉiam pligrandiĝas kaj kiu estas danĝero por tiuj, kiuj havas utilan laboron en la socio, ĉar, senvole, la unuaj vivas je ŝarĝo de la lastaj.

Por ke la progreso estu fonto de bonstato, estas necese ke la progreso mem sampaŝe marŝu en ĉiu sfero de la homa aktiveco. Dum ni konstatas ke ĉiuj konkretaj sciencoj faris gigantajn paŝojn, la ekonomia scienco restis tiom malprogresema, ke eĉ la landoj dronantaj en oro estas en krizo.

En unu flanko ni vidas maŝinojn senmovajn kaj la laboristojn, kiuj suferas pro la mizero, en alia flanko la terkulturistojn, kiuj ne povas vendi la produktojn de la tero kaj ne povas aĉeti modernan ilaron.

La malbona afero konsistas en la interŝanĝa ekonomia sistemo.

Kelkiuj, konsiderante la efikojn kaj ne la kaŭzojn, eraras kondamnante la maŝinojn kiel kaŭzon de la nuntempa danĝero. Tiuj tiamaniere blasfemas la veran esprimon de la progreso, dum ĝi helpas la homaron, limigante la penadon kaj centobligante la produktojn, kiuj estas la *vera riĉajo.*

Tiuj produktajoj devas esti destinataj por pligrandigi la bonstaton de la homaro per la konsumo. La homaro en la laboro por la reproduktado devas gajni kiom necesas por aĉeti pligrandigitan produktadon. Alie, se la gajno ne sufiĉas, la magazenoj pleniĝas de la nevenditaj komercajoj, en la fabrikejoj malaperas la kaŭzo de la produktado kaj pro la neevitebla senlaboreco pligrandiĝas la neebleco de konsumo.

La administracioj, ekspluatinte ĉiujn rimedojn, bankrotas, trenante en la ruiniĝo multajn aliajn. Pro tio eĉ la ŝtatoj perdas la necesajn monrimedojn.

Tiu ĉi estas la sceno, kiun ni, senpove, konstatas!

Necesas do altigi la konsumon por repreni la etendiĝon kaj atingi la deziratan rondiradon de la mono, kiu, konsiderate nur kiel interŝanĝilo, kaj ne kiel riĉajo en si mem, en la ekonomia vivo havas la saman gravecon kiel la sango en la homa korpo.

Tio okazos starigante ekonomian sistemon, kiu permesos la akiron de la tuta produktado. Tio pligrandigus en ĉiuj la bonstaton kaj plibonigus la vivmanieron vere ankoraŭ plendindan por multaj popoloj.

Vere tiam la progreso estos materiala, morala kaj intelekta nobligo.

La peno de kiu ajn registaro, eĉ la plej bone intencinta kaj forta, ne povos doni efikan decidon en universala malbono ĉar ĝia peno rilatas nur al unu nacio. Aliparte estas absurde pensi, ke la ekonomia vivo estu limigata al la landlimoj.

Ni konstatas ke ĉiu nacio en la ĉiutaga titana penado alcelas al la konkiro de la plej granda nombro dela tutmondaj merkatoj (ĉiam pli senfruktigitaj de la doganlimoj) kaj al la disvolvo ĉiam pli granda de la disvendo al eksterlando.

Tio okazas pro la iluzio de la atingo, sed la rezultoj estas ĉiam kontraŭaj pro la ideo *ĉion vendi aŭ eksporti* kaj *nenion aĉeti aŭ enporti.*

La statistikoj de ĉiuj landoj certigas la ĝeneralan malpligrandiĝon de la komerco kaj la pligrandiĝon de la senlaboreco, vera elmontro de la krizo.

La necesa aranĝo devos havi nepran ekonomian karakteron, tute ne prematan de la politiko de kiu ajn nacio kaj devos esti subtenata kaj disvastigata de *privata instituto* kun universala karaktero kaj preciza celo per la manieroj kaj kontraktoj taŭgaj por helpi la interŝanĝojn, fortikigi la industriojn per la necesaj financigoj, per ĝuste pagata laboro por tiamaniere, paŝo post paŝo, porti al sama nivelo de la laboristoj pli bone pagataj la monpagojn internaciajn kaj konsekvence la kapablecon de konsumo de la popoloj.

Tiamaniere estos forigata la ekspluato de lando al lando, de nacio al nacio kaŭzita de la malsimila pago de sama laboro; por kiu aperis la protektismo, jam kondamnita en la tuta mondo pro ĝia danĝera efiko.

Sed ĉu la partianoj de la libera interŝanĝo montris kiamaniere oni povas liberigi sin de tia ĉeno neniun danĝerigante? Tute ne! Kaj la senfrukteco de iliaj diskutoj permesis la starigon de la protektismo.

Oni ne povas forlasi la protektan sistemon antaŭ ol neniigi la kaŭzojn, kiuj ĝin kreis. Tiajn kaŭzojn nur oni neniigos per *Kolektiva kontrakto de ŝparo kaj de interŝanĝo,* kontrakto kapable vere egaligi la homaron reprezentatan de *ĉiuj kontraktantoj* de la tutmonda merkato sur la bazo de la ĝusta valoro de utila oferdono al kolektiva bonstato.

Tiu ĉi grandega problemo, kiu interesas la tutan homaron estis majstre solvita de itala genio dum jaroj de peniga studo. Ĝi nun estas subtenata de miloj da italoj kaj aprobita de teknikistoj de la banko, de la kulturuloj de ekonomia scienco kaj de studantoj de la homaraj problemoj. Ili jam esprimis sian konvinkon pri la bonfara efiko kaj praktika efektiviĝo de la sistemo per gravaj juĝoj.

Ĝi konsistas el la kreo de UNIVERSALA FONDO, kies la nunaj bankoj povas fariĝi KORESPONDANTOJ, komencante novan ŝparsistemon per la *elmeto de tutmonda simbolo de la kapitaloj*. Ĝiajn enkasigojn garantias la grandega divido de la risko sur pligrandiĝanta kvanto da titoloj akirotaj, financante ĉu publikajn ĉu privatajn entreprenojn de la tuta mondo kaj garantiataj de la danĝero de inflacio (trogranda moneldono) ŝanĝante la monon en tiu ora aŭ papermona simbolo laŭ la taga ŝanĝo, sur la bazo de la rilato inter la nacia mono kaj la or-franko, havebla ĉe ĉiuj korespondantaj bankoj de kiu ajn nacio sen ia elspezo, ĉar tia simbolo estas tutmonda poŝtmandato en oro.

Eĉ pri la procento, krom pri la sekureco, ĝi estos la plej taŭga sistemo por la starigo de bone arangîtâ spekulacia mekanismo de elmeto.

La· ŝparanto, kiu nun pro la timo de perdo tenas sian monon en tirkeston perdante la rentumon, kaj same havante la riskon de la inflacio, haltigante samtempe la rondiradon de la mono, faros sian profiton, metante ĝin en tian tutmondan simbolon, kiu donos al li la plej grandajn profitojn krom ĉiujn rektajn kaj nedirektajn bonfarojn okaze de la senhalta rondirado de la mono mem.

Por kompletigi tian ŝparsistemon, nova internacia kaj nacia pagmaniero estos starigata per la elmeto de tutmonda rondiranta asigno el oro tute garantiita kaj precipe ne submetita al la malsimileco de la ŝanĝoj, kiuj nun baras la transdonon de la produktaĵoj por ilia transformigo kaj konsumo malpermesante la disvolvon de la komercoj kaj pro tio la helpon kaj la garantion de la ŝparo.

Teknika oficejo ĉie zorgos por financigi ĉiujn produktantajn entreprenojn, valorigante ĉiujn grandegajn riĉecojn de la penso, kaj de la brakoj, de la tero, de la subtero, de la maro kaj de la klimato, sume de ĉiuj entreprenoj, kiuj helpas la ekspluaton de la diversaj fakoj de la plej granda individua kaj kolektivaj profitoj.

Ĉe la sekretariejo de la komitato estas la klariga materialo kaj oni povas peti la statutojn de la institucio jam deponitaj ĉe la Komerca Tribunalo de Romo.

La ago de la Komitato rilatas la realigon de tia institucio kaj invitas tiujn, kiuj havas ekonomian komprenon kaj kiun ajn, kiu fakte deziras partopreni la finan solvon de la krizo, kiu ĉiujn malhelpas, kaj kiu, spite de murmuradoj aŭ de lokaj aranĝoj, jam sin montrintaj ne taŭgaj por la celo, tute certe pligrandiĝos.

F. Rosseti,
Sekretario de la Komitato :
S. Croce 704 C. Venezia.

---

# Konsolo

De Franz Döring.

*Ho, ĉesis lumi stelo,*
*Foriris homjuvelo:*
*Edzina kor' ekhaltis,*
*Kaj la feliĉ' forsaltis.*

*Dum tombo-rozoj floros,*
*Kuraĝe vi laboros:*
*Mildiĝos kordoloro:*
*Ŝi vivos en memoro.*

# Socia Vivo

## Modernaj planoj por certigi la pacon tutmondan

De L. Weiss.

---

*Si vis pacem, para pacem.*

Kiam la Miljara Regno, tiom sopire atendita de la tuta kristanaro je la komenco de la jaro mil ne volis veni, oni deziris la tutmondan monarkion, kiel ĝin celis la antikva tempo. Ĝi estu nature regata de la papo. Nur Dante postulis tutmondan imperion, kiel sekvon de l'Imperium Romanum, kies ĉefa celo estu la paco. En la teksto « *de monarchia* » troviĝas jenaj vortoj : « Nur en la trankvileco kaj kvieteco de l'paco la homaro povos plenumi la taskojn proprajn al ĝi, nome atingi la plej altan spiritan perfektecon ». Kaj plie : « Pro tiu ĉi granda celo la mondo bezonas la pacon. Pro tio la anĝeloj salutis la paŝtistojn sur la kampo per la vortoj », « *Pacon sur tero* ». Super la multaj regantoj estu superulo, kiu decidas pri ĉiuj malinterkonsentoj ».

Dante multe plendis, ke la homaro tiom deiris de tiu ĉi ideala stato kaj elvokis profunde tuŝita : « Homaro, de kiom da ventegoj kaj perdoj, de kiom da pereoj vi devas esti trafita, ĉar vi iĝis multkapa monstro, via aspirado disiras kaj vi ne plu aŭdas ke la trombono de l'sankta spirito alvokas vin : Vidu kiom bela kaj agrabla estas, ke fratoj vivu harmonie inter si !

La tempo de Monda Imperio kaj de ĝia ideo, tiu ĉi unua grandioza kreaĵo de la homa deziro je paco, finis entute. Naciŝtatoj kun suverenoj prenis la lokon kaj estis nun al ili, trovi formon de la tutmonda paco, ĉar la postulo je ĝi regis pli forte ol iam. La unua, kiu kredis esti trovinta tiun formon, estis Petro de Bosco (Dubois) kiu en sia skribaĵo « *De recuperatione terrae sacrae* » deklaris, ke neniu prudenta homo povus opinii eble, ke unu sola homo regu la tutan mondon. Senfinaj militoj, ribeloj kaj malpacoj estus la sekvoj de tia provo. Dio volas la pacon. Li mem estas « *Rex et actor pacis* » kaj pro tio estus la tasko de la kristanaro certigi la pacon. Kaj nur tiam ĝi sukcesus reakiri la sanktan teron. (Palestinon). Por atingi la mondpacon, Dubois proponis nov-organizi la ŝtatojn. Li proponas en sia skribaĵo, ke la franca reĝo proponu ĉe kunveno kunvokota en Toulouse ke ĉiuj landoj kuniĝu en federacio kun la celo certigi la pacon. Interŝtata tribunalo devus esti kreota por juĝi pri eblaj malpacoj. Kiu malrespektus la pacon devus esti eksigata aŭ al la respektiva lando devus esti ĉesigota la komerca trafiko, do speco de bojkoto. La plej alta instanco de la tribunalo estu la papo, gardanto de l'paco, kiu mem ne plenumu funkcion de tera reganto. La posedaĵoj de la Morta Mano devus esti uzataj por la krucmilito.

Tiu ĉi kontraŭdiro estas karakteriza por la tuta etapo de la ideo pri tutmonda paco. Estas pacifismo pro politiko. Popularaj celoj de l'tutmonda paco estas fiksitaj ne por certigi la pacon sed en la servo de mallarĝvida naciisma aŭ socia politiko.

Simila estis alia propono, la plano de l'husana bohema reĝo, Georgo Podebrad, kiu de 1461 akcelis la kreon de internacia ligo kun tera karaktero por malfortigi la influon de l'papo kaj de l'imperiestro. Li prezentis al si tiun ligon per libera kuniĝo de la ŝtatoj, sendontaj ambasadoron al kons-

tanta kongreso en Baselo, kun propra stabo de funkciuloj, blazono, ŝildo kaj ĉiuj eksteraj formoj videblaj de suverena povo. Malpacoj inter la membroj devus esti forigataj per la Liga Tribunalo, kiu decidas sendepende de la Liga estraro. La Liga konsilantaro fiksu leĝojn, respektotajn de ĉiuj liganoj. La dekono-imposto ĝis nun pagita al la eklezio, plie la tritaga imposto (unu procento de la tutjara enspezo) de la princoj kaj subuloj iru estonte en la ligan kason en Baselo.

Kontraŭa plano estis tiu de Campanella, monako el Kalabrio en "Monarchia Hispanica". Li estis ankaŭ la aŭtoro de la utopia ŝtatidealo « *Civitas solis* » la sunurbo. Campanella atendis, ke hispanaj armeoj kunigu perforte ĉiujn popolojn sub unu estro, la papo. Alia projekto same perfortpolitika estis de certa De la Roue proponita en skribaĵo « *Discours politiques et militaires* ». Tiu ĉi plano estis direktita kontraŭ la turkoj. Ankaŭ projekto de Crucé de Lacroix la kuraĝa defendinto de la libera komerco, (1623) havis similan aspekton.

Sed ankaŭ la plej impona kaj la plej konata propono por la tutmonda paco, la projekto de Sully, sekvis specife unuflankan politikon perfortan : « Redukti la tro grandan povon de la domo de Aŭstrio » (*à réduire la trop grande puissance de la maison d'Autriche*). Li konsideras kiel memkompreneble, ke la tasko de la kreota kristana respubliko estu la forpelo de la turkoj. Sully, la genia ŝtatviro, klare vidis kiaj malhelpaĵoj estis kontraŭ la paco. Li sekve proponis novan ordon de la eŭropaj ŝtatoj, por krei sur la bazo de bone elkalkulita egalpezo inter tiuj ŝtatoj, la novan ligon. Malgrandigo de la grandaj ŝtatoj kaj pligrandigo de la malgrandaj devus alporti la ekvilibron necesan. La reĝo hispana donu al la Nederlandoj la liberecon, al la papo Neapolon, al la venecianoj Sicilion kaj Milanon al la dinastio Savojo. Hungarlando kaj Bohemio estu sendependaj reĝlandoj. Svislando estu pligrandigota je la kosto de Aŭstrio per Vorarlberg, Ŝvabio kaj Elsaco. Nur Francujo restu kiel antaŭe — komprenebla por franca ŝtatviro. Tiuj noveformitaj 11 monarkioj formu kun la kvar respublikoj tiamaj nome Nederlandoj, Svislando, Venecio kaj la Itala Urba Ligo eternan kaj ne disigeblan respublikon. Ĉe la supro estu Ĝenerala konsilantaro, decidonta pri la komunaj interesoj kaj formota el sesdek membroj.

Al tiu ĉi interesa propono de Sully aliĝas la plano de abato Irené Castel de Saint-Pierre el la jaro 1713. Li volis ke formiĝu granda alianco de la ŝtatoj sur la bazo de la donita teritorio kaj invitu al tiu ĉi ligo ankaŭ la Osmanan Imperion. La ligo garantias la tiamajn teritoriojn kaj ŝanĝoj ne devus plu okazi. Ekzistantaj konstitucioj estu protektataj de la ligo kaj garantiataj. Ankaŭ tiu ĉi propono igas ĝin verko de porpolitika pacifismo. La propono de Saint Pierre estis ofte variigitaj ; Kardinalo Alberoni akcelis tiamaniere pacan ligon por forpeli la turkojn kaj kardinala kongregacio an Romo 1735 akcelis ankaŭ en la senco de Saint-Pierre, la kreon de alianco kontraŭ herezuloj kaj senkreduloj. En la decidaj rondoj, la proponoj de Saint-Pierre, multe diskutitaj dum tiu ĉi epoko, trovis malmultajn anojn, kvankam la pia abato proponis enigi en la ŝtatkontrakton jenan kondiĉon : « La suverenoj povu libere disponi pri la duono de la sumoj por propraj celoj, ŝparotaj el la redukto de la armado ». Princoj kaj subuloj ĝuu tiamaniere la avantaĝojn de la tutmonda paco. Sed la abato trovis nur surdajn orelojn, eĉ oni ridis pri la proponoj. Kardinalo Fleury opiniis, oni devus unue dissendi trupon da misiistoj por prepari la princojn spirite kaj konverti ilin al la ideo de la tutmonda ligo. Voltaire ankaŭ tre mokis pri la abato, nomante ties projekton « *l'impraticable paix de l'abbé* » kaj li trovis ke malkutimigi la homojn de l'milito estus same malfacile kiel malkutimigi la lupojn je manĝado de l'ŝafidoj. Frederiko la Granda deklaris : « La afero estus tre bona, se nur estus ricevebla la konsento de la eŭropaj princoj kaj se ne mankus ankoraŭ aliaj malgravaĵoj ». Ankaŭ Leibniz, la granda filozofo opiniis ke « *pax perpetua* » nur havus rajtigon kiel surskribo ĉe tombeja pordo, ĉar nur la mortintoj ne plu interbatalus dume la vivantoj estus en alia humoro kaj la plej potencaj ja ne respektus decidojn de Alta Tribunalo. Nur Rousseau, okupiĝintà tre detale kun la projekto de Saint-Pierre kaj eĉ eldoninta en la jaro 1761 ekstrakton, konsideris la ideojn tre valoraj kaj plenumeblaj, se oni edukus la eŭropajn popolojn je pli granda kompreno pri ilia solidareco. Tamen tuja efektivigo de la projekto ankaŭ al li ne ŝajnis ebla « Pro tio ke la eŭropaj princoj estas tiom kutimiĝintaj je absolutismaj ideoj, ke ĉiun provon en tiu ĉi direkto, ili konsiderus kiel limigon de la propra sendependeco kaj rajtoj. » Post tio restis al la bonvola abato nenio alia ol konsoliĝi per la frazo de li verkita « se la projekto restas neefektivigita, tio ne okazis pro ĥimereco, sed pro tio, ke la homoj ĝenerale ne ŝatas aŭdi tion, kion prudento al ili diras ».

Dum la tuta periodo de tiuj projektoj montriĝis nekontesteble, ke oni ne povas ion konstrui sur la bonvolo kaj la komprenemo de kelkaj absolutismaj regnestroj aŭ de ĵaluzemaj registaroj de malgrandaj ŝtatoj. La celo devus esti atingota laŭ alia vojo. Kaj tiam komenciĝas alia periodo de la porpaca movado : La reveno al la antikva penso de l'homara frateco. La instruoj de Cicero « *Universus hic mundus una civitas est communis Deorum atque hominum existimanda* », kaj de Seneko, « ĉiuj homoj estas membroj de unu korpo el unu materio formita por la sama destino » de Plutarko « ĉiuj homoj konsideru sin civitanoj de unu ŝtato kaj loĝu kune sub la komuna leĝo de la prudento », plie Marko Aŭrelio kiu komparas la ŝtatojn kiel domojn de tuta urbo. Ĉiuj tiuj pensoj revenas en la ideo de la tutpopola komuneco, per kiuj Suarez kaj Grotius starigis la fundamenton de la moderna interpopola juro. Kaj kiel plej altan celon fiksis Kant en sia « Filozofia koncepto pri la eterna paco » (1795) la atingon de internacia organizo de la mondo, en kiu ne princoj decidas, sed respondecaj registaroj de ŝtatoj en kiuj ĉiuj civitanoj partoprenas je la povo. Samsence ankaŭ Bentham propagandis la organizon de la mondo en sia verko « *A plan for an universal and perpetual peace* » Sub la influo de tiuj du granduloj aperis la verkaĵoj : Gondon : *Projet de la paix perpétuelle.* (1808) kaj Fourier : *L'harmonie pacifique de l'humanité* (1810) fine Saint-Simon : *La réorganisation de la société européenne* (1814).

Kaj tie komenciĝas la agado de l'Ĝenevano de Sellon. La pacon, atingeblan nur per konstanta klerigado kaj eduko kaj per la volo de la popoloj, serĉu la tuta civilizita mondo. Nova vojo, sur kiu oni progresas nur tre malrapide, sed la sola, kiu kondukas al la celo.

El Neue Zürcher Zeitung
(Trad. G. Agricola).

# Socio kaj lingvo

## H. de Man pri helpa lingvo

*Unu el la plej diskutataj libroj estas nuntempe « Preter marksismo » de Henriko de Man, al kiu respondis lia samlandano Vandervelde. En sia verko, aperinta germane kaj france, de Man montras la nesufiĉeson de pure materialista koncepto historia kaj atentigas pri la psikologiaj kaj etikaj influoj.*

*En sia ĉapitro li aludas je internacia civilizo kaj mondlingvo. Jen la traduko de tiu paĝo:*

« La socian altiĝadon de la burĝaro sekvis la jenaj fenomenoj esencaj: formado de naciaj ŝtatoj de la fino de Mezepoko ĝis mondmilito, forigo de la latina lingvo per naciaj lingvoj, kreskanta diferencigo de arkitekturo kaj ĉiuj artoj depost la komenco de Renesanco kaj disiĝo de la Eklezio katolika do universala, en plurecon da naciaj religiaj komunumoj.

« La nacian senton mem, ankoraŭ mankantan en Mezepoko, progresigis, la burĝaro laŭ ekzemploj el klasika antikveco kaj ĝuste dum la tempo kiam novaj komunikaj vojoj radikale ŝanĝis ekonomion.

« Dum tiuj centjaroj kiam la mondo fariĝis ekonomia unueco produkta kaj konsuma, ĝuste tiam akriĝadis la nacia sento ĝis fariĝo de vera religio, kiu devigis eĉ Eklezioj ĝin servi. Kiu pripensas je tiu kontraŭeco trovos tie sufiĉajn kaŭzojn por ne konkludi tro rapide ke Radio kaj aviado alvenigos homaran civilizon.

« Tutmonda civilizo postulas antaŭ ĉio internacian lingvon. Ekzistas ja helpaj lingvoj en pli ol sufiĉa nombro. Sed racia homo povas vidi en ili nenion pli ol kunhelpaj lingvoj. Ili estas speco da ŝlosilaj lingvoj, en kiuj oni tradukas tion, kion oni pensas en sia propra lingvo pli malpli malfacile kaj en maniero pli malpli komprenebla por la adresato.

« Ili neniel estas kulturaj lingvoj, ĉar tiuj nur rezultas el milionoj da ligiloj kreskintaj per centjaroj da komuna sorto kaj ne okaza rimedo artefarita por solvi iajn materiajn malfacilaĵojn en sociaj rilatoj ĉe hotelo aŭ en supraĵa korespondado.

« Teorie oni povas supozi ke helpa lingvo povus fariĝi sufiĉe organriĉa kun la tempo por servi kiel komunukilo de kulturaj valoroj, sed oni malpli facile povas imagi kiamaniere ĝi sukcesus al tio, ne disiĝante ankaŭ siavice en naciajn dialektojn sub influo de la nacilingvoj, kiuj daŭre ekzistas kun siaj propraj stilaĵoj, idiomaĵoj kaj elparoloj.

« Estas pli verŝajna unu el la du jenaj eblaĵoj: aŭ unu el la nunaj nacilingvoj forpuŝos la ceterajn kaj fariĝos universala aŭ la internaciaj elementoj, kiuj okupas ĉiam pli grandan lokon en ĉiuj lingvoj finfine formos novan miksan lingvon, kvazaŭ universalan sabiron. En ambaŭ okazoj videble temas pri tre longa kreskado kaj oni malfacile imagas, ke ĝi ne postulus centjarojn por atingi la gradon de perfekteco postulata de tutmonda civilizo. »

---

Tiu paĝo estas tre interesa kaj montras penseman viron kiel cetere la tuta verko. Sed la aŭtoro ne estas lingvisto kaj evidente scias proksimume nenion pri Esperanto, kaj ĝia vivo. Pri tiu manko de necesa informo ni aludis en la ĉefartikolo de nia Marta Numero atentigante ĝuste, ke Esperanto ĝis nun ne estas uzata en hoteloj, sed male por rilatoj kulturaj.

Kiam observema viro kiel H. de Man estos konsiderinta la faktojn, li bedaŭros sian supraĵan kaj erarigan aranĝon de ili por plaĉi al sia tezo. Tio estas la malo de scienco.

Ĉiuj arte konstruitaj sistemoj similas efektive je « ŝlosilaj lingvoj » kiam ili aperas. Tiaj ili restas, se neniu ilin uzas. Sed duoncentjaro da vigla uzado kapablas igi Esperanton « organriĉa » kiel H. de Man permesas supozi « teorie ». Ne temas tie pri teorio, sed pri fakto tute natura kaj neevitebla. Se lingvo ne fariĝas tia kaj ne respondas al la bezonoj, tiam ĝia uzo kultura ne kreskas. Oni ĝin forlasas. Tiel okazis al multaj sistemoj.

Pri la disfalo en dialektojn (antikva profetaĵo!) sufiĉas memorigi ke internacia lingvo estas parolata nur internacie, kie la kontrola sankcio de l' kompreno efikas al unueco kaj neniam al diseco. De jaro al jaro, de kongresoj al kongresoj kreskis la unueco de Esperanto pro la interfrotado.

Ĉu H. de Man imagas, ke la homoj ne tradukas el sia lingvo kiam ili parolas en fremda nacilingvo? Kiuj lernis tiom perfekte, ke ili sukcesas rekte pensi en la alia lingvo, tiuj ankaŭ en Esperanto alvenas al tio eĉ multe pli rapide. Sur la literatura kampo la kontrola sankcio estas ne nur la kompreno, sed la vendo de libroj, abonado de gazetoj. Kiu havus ne internacian nekompreneblan stilon, tiu simple ne havus legantojn eksterlande kaj tiam devus rekontentiĝi per verkado nacilingve.

Plej interesa estas la konstato de H. de Man pri la internaciaj elementoj ĉiam pli multaj en ĉiuj nacilingvoj kaj kapablaj iam kunformi novan universalan « *sabir* ». Nu ĝuste el tiuj elementoj sin nutris Esperanto por ekzisti. Per uzo ĝi kreskigis propran vivon kun apartaj originalaĵoj, sed ankoraŭ nun ĝi restas altiĝanta barometro de tiuj internaciaj elementoj, ne nur en la vortaro, sed en la esprimoj aŭ bildoj, kiuj alportas ĉarmon al la lingvo. Se ili estas ununaciaj kaj nekompreneblaj, ili ne sukcesas en Esperanto, sed multaj en ĝi svarmas, ĉar vere internaciaj kaj komunaj eĉ ofte al Oriento kaj Okcidento kune.

Studo de la vivo de Esperanto kaj de ĝia riĉiĝo el-interna kaj el-ekstera estas interesa temo por lingvistoj kaj estas jam regule pritraktata en du aŭ tri universitatoj. Tion devus esplori aŭtoro tiel honeste serĉema kiel H. de Man kaj doni la ekzemplon de lojala homo, kiu korektas supraĵan aserton post esploro de la temo.

Fine li devus ankaŭ atenti pri la plej grava fakto de la enhavo de la lingvo. Tute nature kaj memkompreneble Esperanto per sia celo kaj rolo fariĝis organo de internaciaj pensmovadoj. Ĝia inciatinto mem ĝin uzis por esprimi homaran filozofion kaj lin sekvis multaj idealistoj samdirektaj.

Homaraj sentoj aŭ sopiroj serĉis korpon kvazaŭ perditaj animoj kaj ne ĉiam trovis la taŭgan esprimilon en nacilingvoj, saturitaj de nacia spirito. Tute nature ilin allogis Esperanto kaj donis flugilojn al iliaj pensoj. Samtempe ĝi ricevis riĉigon el ili. Estas demando ĉu ekzistas nun inter la nacilingvoj, eĉ la plej disvastigataj, unu kiu taŭgas por esprimi certajn sentojn en sama grado kiel Esperanto sur ĝia speciala kampo de internacia mistiko.

S-ro de Man ne ignoras tiujn temojn. Lia libro profunde analizas ekzemplojn de psikologia vivo de l' amasoj kaj kreiĝon de novaj kvazaŭ religiaj sentoj. Al lia dokumentaro mankas informa ĉapitro pri la interna ideo de esperantismo kaj ĝia influo sur la lingvo Zamenhofa. Tiun temon ne malatentis angla universitatulo, konata pri siaj verkoj pri psikanalizo.

La historio de Esperanto kaj ĝia nuna stato estas instruplena por scienculo, kiu rigardas la signojn de internacia evoluo.

H. de Man, kiu metis la fingron sur la trograndigojn de materialismo faras pri tiu ne malatentinda fakto ĝuste similan eraron, kian li riproĉas al ceteraj aŭtoroj pri aliaj temoj.

Li imagas Esperanton sub materialista lumo, kredanta ke ĝi havas kredeble teknikan vortaron — kio estas facile imagebla — sed ne tiun kulturan elementon esprimkapablan, sen kiu lingvo estus nur koda ŝlosilo.

Kaj ĝuste en tio li eraras plene. Pri siaj teknikaj vortaroj Esperanto ne multe zorgis. Estas eĉ kulpo. Sed tio estas nura demando pri tradukoj kaj komitataj decidoj. Kio estis sukcese farita por iaj sciencoj estas farebla por aliaj.

Male pri la nemateria flanko, kiun neniu komitato povas krei per decidoj, pri la spirita unueco kaj flua esprimo de sentoj kaj ideoj Esperanto floris kaj kreskis senĉese kiel senzorga birdo kaj akiris riĉan sperton en uzado. La gramatika reguleco kaj simpleco ne malaperis, sed abunda fleksebleco permesis al homaj pensoj esprimiĝi trafe kaj vigle per formoj novaj kun propra ĉarmo. Antaŭ ol fariĝi teknika, Esperanto fariĝis viva, ĝuste la malo de la kutimaj profetaĵoj. Valoras esplori kiel kaj kial kaj pripensi kiun valoron ĝi povas havi por homara civilizo en spirita formiĝado. P.

## Lingvaj studoj

*S-ro Karl Pokorny, eks-direktoro de burĝa lernejo en Wien skribis al ni:*

En la lasta tempo mi ofte trovas frazojn, en kiuj la sufikso *iĝ* aperas kiel anstataŭanto de la pasiva formo. Ekz. a) « La franca vorto aiguille (kudrilo) devas *tradukiĝi* laŭokaze per montrilo horloĝa), pintfolio (abia), relŝanĝilo (fervoja) k.t.p. » b) « Kiam vi ekparolis, mi atendis ion novan, sed baldaŭ ni vidis, ke ni *trompiĝis* (*ke ni estis trompataj de ni aŭ de vi*). » c) « La vortotrezoro ne *kontroliĝu* aŭ *firmiĝu* per simpla eldemandado de unuopaj vortoj... kaj depost la momento, kiam la progreso permesas demandon aŭ respondon aŭ ordonon en la fremda, neniam ree*apliķiĝu* la gepatra lingvo en sama situacio. » d) « La estraro de Sveda Societo por Antropologio kaj Geografio transdonis al la registaro skribaĵon kun propono, ke tiu mono, kiu eventuale *enspeziĝos* per eldonaĵo pri la Andrée-ekspedicio, estu uzata por starigo de scienca esplorfondaĵo. » e) « Lia unua laboro estis malgranda disertacio, kiu parte *publikiĝis* en gazeto. »

Tio do estas pekoj kontraŭ la 6a regulo de la Fundamento. Oni devus diri: a) devas esti tradukata, b) ke ni trompis nin, c) ne estu kontrolata aŭ firmigata — aplikata, d) estos enspezota, e) estis publikigata.

Vere ne estas mirige, ke iu serioze asertis: Menciante la aganton, oni uzu la esti-formon por la pasivo; ekz: La leporo estas pafata de la ĉasisto; sed se oni ne mencias la aganton, sufiĉas la iĝ-formo; ekz.: la leporo *pafiĝas*. Se mi *vundiĝis*, mi do senintence akiris vundon; se iu, por liberigi sin de la militservo, intence difektas sin, tiu *vundas sin*, kaj la soldato *estis vundata* de la malamiko.

Mi lernis kaj legante bonajn esperantajn verkojn mi ankaŭ ĉiam spertis, ke la sufikso *iĝ* signifas:

I° ke oni senvole, senintence venas aŭ estas metata en staton montratan de la radiko; ekz.: La maljunulo tute *malsaĝiĝis* kaj *infaniĝis*. Flugante la ĉapelo *pendiĝis* sur branĉo de la arbeto. Li puŝis min kontraŭ la bruston ke mi *sidiĝis* sur la tero;

II° ke per la sufikso iĝ oni povas esprimi kvazaŭrefleksivan formon (kvazaŭ-refl., ĉar estas nuanco inter: Mi turnas min kaj la tero turniĝas en la spaco). Zamenhof diris ĉe la malfermo de la 3a kongreso: « Ĉu ni kunvenas por *ekzerciĝi* en esperanto parolado. ... kiu uzas Esperanton nur por *amuziĝi*... Sed se li volas *aliĝi*... tiam la afero *ŝanĝiĝas*. »

III° ke per la sufikso iĝ oni povas formi el transitivaj verboj intransitivajn: Mi *rulas* la barelon. La barelo *ruliĝas*. Mi ne *estingis* la flamon, la flamo *estingiĝis* per si mem.

Mi atente tralegis la « Originalan Verkaron de Zamenhof » kaj aliajn bonajn verkojn, ekz.: « La Faraono » de D-ro K. Bein kaj atentis precipe la iĝ-sufikson; mi devas konfesi, ke mi trovis eĉ ne unu iĝ-verbon, kiu anstataŭas la pasivan formon. Pro tio mi opinias, ke ne estus senutile, se oni atentigus la esperantistaron, ĉar tiaj kontraŭfundamentaj formoj *timigas* kaj *konfuzas* la komencanton.

## Turismo

### La Verda gvidlibro

La diskonigo de urbo aŭ regiono al vojaĝanta fremdulo okazas per tielnomataj gvidfolioj kaj gvidlibroj. Tiuj presaĵoj havas esence varban karakteron kaj celas do allogi la fremdan turiston. Apud tiuj presaĵoj, ofte tre lukse faritaj, ekzistas la veraj *gvidlibroj*, sen tiu speciala karaktero varba, por informi turiston laŭfakte, sen aldono de plibeligaj superlativoj kaj adjektivoj. Tiuj libroj dankas sian ekziston al Karl Baedeker kies nomo transiris al tiu serio de vojaĝlibroj eldonataj de tiu ĉi firmo en Leipzig. Aliaj serioj aldoniĝis inter ili la « Bluaj Gvidlibroj » en Francujo (Les guides bleus) kaj tiuj de diversaj turismaj organizaĵoj. Inter tiuj estas sendube la Itala Turing-Klubo kiu plej metode eldonis serion de tiaj gvidlibroj pri Italaj regionoj.

Belan laboron plenumis la italaj samideanoj sukcesinte eldoni parton el unu el tiuj gvidlibroj verdaj. Estas tiu pri multe vizitata regiono: Milano kaj la lagoj de Lombardio.




Sur 112 paĝoj tiu ĉi elegante presita libreto informas nin pri ĉio sciinda. Naŭ kartoj kaj ses planoj kompletigas la libreton kiu *ne* enhavas preseraron, io citinda en esp. presaĵo. Kion ni aparte salutas estas la monografia formo, aŭ la limigo al regiono fiksita. La vendo de eĉ nacilingva gvidlibro informanta pri tuta lando, ja estas riska afero, dekoble pli granda en internacia lingvo kun malpli granda klientaro. Dezirinde estus ke al tiu unua libreto sekvu aliaj ne pli grandaj kaj ne pli malgrandaj. La prezo de la libreto (15 Lit.) estas ne alta komparante kun nacilingvaj gvidlibroj.

### Sankt Gallen

Faldprospekto, 21,5 cm alta kaj 10 cm larĝa kun 12 bildoj en Offset presmaniero kun teksto klara kaj simpla informas pri tiu ĉi urbo, la centro de orienta Svislando. La tradukon prizorgis S-ro Kürsteiner, Delegito de UEA kaj eldonis ĝin la Porfremdula Oficejo. La Bildoj estas artaj, laŭ akvareloj de Willy Müller en St. Gallen. (Ricevebla pere de la Turisma Servo de UEA).

# El Naturo kaj Sciencoj

## Internacia Saneca Servo

La Germana Muzeo de Higieno en Dresden ne estas muzeo en la kutima senco de nura konservejo de kolektaĵoj, ĝi estas centra instituto de la popola higieno por la tuta mondo. Ĝia Internacia Saneca Servo havas 5 sekciojn : 1) informejo, 2) metiejoj por ekspoziciaj kaj instruaj objektoj, 3) migrantaj ekspozicioj, 4) filmproduktejo, 5) eldonejo de libroj ktp. Laŭ sia devizo « Ĉiam preta ! » la Muzeo de Higieno kaj ĝia Internacia Saneca Servo ne nur observas la higienan teorion kaj praktikon sed celas, helpi per konsiloj al ĉiuj kiuj tion deziras kaj bezonas.

La informejo donas fidindajn informojn pri ĉiuj higienaj demandoj, klarigas objektojn montratajn en la muzeo kaj ne senpere komprenataj de laikoj. Ĝi ekzemple helpas al iu, kiu volas instali laborejon, fabrikon, aŭ similan laŭ higienaj vidpunktoj; ĝi donas aŭtentikan materialon al gazetaro pri sanecaj aferoj.

Eduki kaj instrui la popolon pri higieno ne estas eble sen taŭgaj ekspoziciaj kaj instruaj objektoj. Multfoje plendis kuracistoj, instruantoj, unuiĝoj por popolhigieno pri sentebla manko de tia materialo. La Germana Muzeo de Higieno en siaj modernaj metiejoj nun fabrikas grandstile tiajn instruilojn, ekzemple bildotabulojn pri plej diversaj fakoj higienaj, de flegado de suĉinfano ĝis la kontraŭbatalo de l'tuberkulozo, alkoholismo kaj veneraj malsanoj. Pli of 300 da tiaj bildotabuloj jam ekzistas kaj estas akireblaj je moderaj prezoj. Ili estas reviziataj de tempo al tempo kaj se necese plibonigataj laŭ novaj sciencaj ekkonoj. Simile grava estas la eldonado de afiŝoj, kiuj en la ĉiutaga vivo konstante kaj apenaŭ konsciite atentigas la homojn pri aktualaj higienaj demandoj.

Por fakaj kaj superaj lernejoj la instruiloj jam devas esti pli specialaj : la tipa tia instruilo estas la plastika modelo de korpaj organoj aŭ de iliaj malsanoj, kiun oni nomas " mulaĝo ". Bonaj mulaĝoj el vakso estas multekostaj kaj krome ne sufiĉe rezistas kontraŭ varmegeco, bato kaj frapo. Tial oni serĉis materialon, kiu ebligas same bonan kaj tamen malpli kostan faradon de tiaj mulaĝoj. La esplora fako de la Muzeo sukcesis eltrovi ĝin en la tielnomata « Cellon ». Mulaĝoj el tiu materialo estas same bonaj kiel tiuj el vakso, sed pli rezistemaj kaj povas esti laŭserie fabrikataj. Plia solvo por prezenti ĉiujn korpajn vivomovojn estas la movebla modelo — ekzemple la funkcio de ia artiko estas per ĝi multe pli facile klarigebla ol alimaniere. De tiaj modeloj ekzistas jam kelkaj centoj diversspecaj, speciale por lernejoj kaj laika instruado de unuiĝoj.

Plua grava instruilo estas la lumbildo. La Muzeo de Higieno jam posedas 70 seriojn kun pli ol 4000 bildoj, kiujn ĝi vendas resp. pruntedonas samtempe kun pretaj paroladoj por ĉiu temo. Ili estas uzataj speciale en malgrandaj urboj kaj vilaĝoj, malproksime de ĉiu ebleco ekscii ion rekte pri higieno. Por la sama celo servas ankaŭ la migrantaj ekspozicioj diversgrandaj kaj ĝeneral- aŭ specialenhava. La plej movebla el ili estas la higiena aŭtomobilo, kvazaŭ migranta cirko higiena. Tio estas granda aŭto-omnibuso, kiu enhavas ĉion por sufiĉe ampleksa higiena ekspozicio, starigebla dum kelkaj horoj sub tendo kunportita, kun propra elektra energi — kaj lumprovizigejo, loĝ — kaj dormejoj por la akompanantoj — ebleco, sendepende de fervojo, elektra instalo loka disvastigi la scion pri higieno ĉie.

La staranta lumbildo bone montras objektojn. Por montri agojn, ekzemple kiel oni racie purigas la dentojn, oni povas uzi la filmon. Ankaŭ biologie gravajn okazaĵojn, moviĝon kaj funkcion de iuj organoj, oni povas montri per filmo nature kaj facile percepteble. Do la Muzeo kreas sinsekve tiajn filmojn por diskonigi per ili ekzemple la danĝeron de karcinomoj, kiu estas nun eĉ pli granda ol tiu de tuberkulozo, la ecojn de reŭmomalsanoj, nervomalsanoj kaj aliaj.



*La travidebla homo.*

La Internacia Saneca Servo ankaŭ publikigas librojn kaj broŝurojn. Ekzemple jam aperis sub la titolo « Leben und Gesundheit » (Vivo kaj sano) 23 libretoj, kiuj prezentas al ĉiu leganto ion interesan pri higieno. Ankaŭ higiena bildolibro por infanoj jam ekzistas, kiu en plaĉa kaj arta formo alkondukas al la infano prihigienajn konsilojn kvazaŭ nerimarkite. Revuo de la saneca servo estas projektata, ĝi alportos per artikoloj kaj bildoj higienan scion en vivplena, ne teda formo (simile al la konataj « Magazenoj »).

Jen la ĉefaj taskoj de la Internacia Saneca Servo. Uzu ilin plej ofte — vi utilos al vi kaj viaj proksimuloj, kaj la gvidantoj de la servo ĝojos, se ili povos helpi vin !

La bildo aldonata al tiu artikolo prezentas la « travideblan homon » de la Muzeo. Ĝi vidiĝas per ŝanĝanta lumo la diversajn organojn de la korpo en naturaj formoj kaj koloroj, dum samtempe sur la ĉirkaŭa surfaco aperas la nomoj de tiuj organoj. Tiu figuro estas kvazaŭ simbolo de la special-elmontro sub la titolo « la travidebla homo », ekspozicio laŭ malnova ideo de la kreinto de la Muzeo, grandindustriulo Lingner. Ĝi montras en multaj murkestoj, brile lumigataj de interne, ĉiujn partojn de la homa korpo en natura stato, sed tiel preparita laŭ propra sistemo, ke ili estas plene travideblaj, tutegale, ĉu estas haŭto aŭ karno, arterioj kaj venoj, muskoloj kaj ostoj. Estas eksterordinare interese, tiel konstati la mirigan arton de la naturo, sed ankaŭ la genian kapablon de la scienco, kiu ĝin prezentas tiom kompreneble. La ekspozicio « la travidebla homo » estas kvazaŭ la kerno de la Muzeo de Higieno kaj tipa por la maniero, prezenti la muzeajn objektojn tute alie ol kutime. La Muzeo ree estas la kerno de la Internacia Ekspozicio de Higieno 1931, daŭrigo de la antaŭjara ekspozicio en plivasta kaj kompletigita formo pro la granda sukceso kaj ĉiurilata valoro de tiu elmontro tutmonda pri stato kaj evoluo de higieno. Viziti tiun ekspozicion dum la nuna somero, estas la plej bona maniero, konatiĝi kun la Internacia saneca servo de la Germana Muzeo de Higieno en Dresden !

J. K.

---

## En la centro-amerika pra-arbaro

De D-ro Fr. Morton.

Pra-arbaro kaj kulturita lando luktas inter si batalon detruigan. Ne dubeble estas kiu venkos. Snfine etendiĝas ĉe la marbordoj la banankampoj. Senfinaj estas ankaŭ la sukerkan-kulturoj kaj la kafoplantejoj en la pli altaj regionoj.

Okaze elstaras arbogiganto el la foli-arbaro de la bananoj kaj sukerkanoj. Plej ofte tiu ĉi arbo estas la *Ceiba*, sankta arbo, ĉe kies piedoj la indianoj nokte oferas. Suprenŝvebas la fumo de la kopal-rezino kaj aŭdiĝas la sonoj de enigmaj strangaj idiomoj.

La *Ceiba-arbo*, nomata ankaŭ lanarbo aŭ bombakso estas vera zoologia kaj botanika ĝardeno samtempe. Sur la giganta trunko dense sidas centoj kaj miloj da orkideoj. Foje estas la belega *Cattleya aurantiaca*, alifoje *Laelia*, kiuj simile al teksaĵo kovras la arbon. Grandaj araceoj sidas sur la horizontalaj branĉoj, ŝnursimilaj lianoj pendas malsupren. La *filodendrono*, plantaĵo kulturita en Meza Eŭropo en varmdomoj, erare nomata palmo, ĉirkaŭprenas la tutan trunkon de la gastiganta arbo. Pradiluviaj *Iguanas*, speco de gigantaj lacertoj loĝas sur la sankta « palo » (arbo). Batalemaj formikoj, kaj minacantaj nestoj de vespoj ne mankas.

Ni penetru tiun kvazaŭ fermitan pra-arbaron. Premiga, sufokiga kaj vapora ĝi estas. La okulo, blindigita pro la ardo de la tropika suno, nur malrapide kutimiĝas al la krepusko verdbrila. Premiga estas la abundo, strange surprenas nin ĉio. Ĉe mallarĝa akvofluo, eniĝanta je kelkaj metroj en la vulkanan cindron, kreskadas fieraj filikoarboj. Aliaj reprezentantoj el la filika regno pendas kiel smeraldaj vualoj la deklivan ŝtonmuron. Tute supre staras fiera Koroso-palmo (*Schelea Preussii*). Ĉe proksima akvofluo ni renkontas veran mimoz-arbaron. La armitaj arbetaĵoj malhelpas la trapasadon, sed iliaj sentemaj folietoj gracilaj entuziasmigas. Tie ĉi ankaŭ kreskas la miriga herbo *Chaix*, kiu havas la nomon *Larmo de Jupitro* pro la ostoblankaj brilaj fruktoj kun formoj de kugloj (larmoj). Ni trovas ankaŭ la *Eritrin-arbon* kies koralruĝaj semgrajnoj, kunigitaj en ĉenoj, ornamas la kolon de indiana virino laŭ plej tropika maniero.

Jen la rigardo sin turnas supren en la arbokronon, en la neordigeblan miksaĵon de lianoj. Miraklo ! Vidiĝas floro, dua laŭ grandeco sur tero. Estas la *Aristolochia grandiflora*, floro kun 38 cm de longeco kaj 22 cm da larĝeco, purpurmakule kaj kun preskaŭ nigra fundo. Ĝia penetra odoro allogas la insektojn.

Malgrandaj papilioj kun bluecaj bril-lumoj flugas el la nenio, malaperas kiel fantomoj en la kontraŭa krepusko.

Nenia bildo, ne la belegeco de la pacifikaj palmarbaroj, ne la orkidea floraro en la vulkanlando, nek la ĉarmo de la februardantaj riveroj en la pra-arbaroj tiom ebriigas kiel la deloganta Aristolochia en la sorĉa arbaro.

Ĉiu paŝo alportas novan, kaj ankoraŭ pli belan aĵon. Jen ĉe trunko ni trovas vanilo-plantaĵon. Tie el la bosko brilas la granda verda foliaro de la sovaĝa kakao.

La arboj ĉe la bordo ne povas vidigi foliojn, tiom ili estas kovritaj de pasifloroj, al kiu apartenas ankaŭ la konata pasiofloro. La botanikisto malesperas pro la ĥaozo de la aperaĵoj, kreskantaj super, malsuper, kuŝante, rampante laŭ ĉiuj eblaj direktoj. De malalta monto ni povas observi ke ankaŭ la pra-arbaro montras aperaĵojn, similajn al eŭropa foli-arbaro dum vintro. Meze en la ŝanĝanta verdaĵo staras senfoliaj branĉoj, signo de la sekeca tempo. Tamen ne ĉiam senfolia. La diino de la tropika floraro kompatas je ili. Profunde kaj brule ekflamiĝas ĉio blanke, kaj flave, ruĝe kaj viole, brulantaj torĉoj de la centro-amerika pejzaĝo.

Trad. G. Agricola.

---

# Literaturo

## Ne zorgu...

(El memoraĵoj de komerca vojaĝisto).

Estis en urbego de Usono.

Imagu mallarĝan straton en la plej malnova kvartalo de l'urbo. Centro financa, centro de industrio kaj pogranda komerco, ĝi estas kvazaŭ la koro de l'komunuma aktiveco. La malnovaj domoj estis iom post iom detruitaj kaj anstataŭigitaj per altegaj konstruaĵoj modernaj. Leviĝante je ambaŭ flankoj de l'strato, ili ĝin alsimiligas al montara kanjono. Pro la intensa movado, kiu ĝin plenigas, la vojo similas al torento relative senbrua, al akvoturnigaro kun fluoj diversaj sed potencaj. Kiam vi estas ekkaptita per unu el tiuj fluoj, vi eksentas vin forportata nerezisteble. Kien ? Al kiu celo ? Al aferoj ĉiuokaze ; eble ankaŭ al sukceso, al profitoj, vivrimedoj kaj plezuroj. Kaj vi rapidiras kun la rapidanta homamaso. Ŝvelas la energio, akriĝas la atento. Vi estas preta por la lukto. La medio tuj konsciigas vin pri la danĝero de iu paŝo ŝanceliĝa. Se vi ekelglitas kaj falas, se via vigleco malfortiĝas, vi baldaŭ estos subpremita, kripligita korpe kaj spirite. Malŝancon sekvos malprofito, senkapabligo, senforto. Malvigleco tie ne estas pardonebla. Vi estas punota pro ĉiu paŝo maltrafa. Revado tie ne estas permesata. Rapidiru, estu viglega aŭ malaperu. Por atingi sukceson ĉiuj rimedoj estas tamen taŭgaj, se ili nur ne donas al policano okazon intermiksiĝi.

Unu klaran vintran matenon mi enpaŝis en tiun straton por viziti klienton. Serĉante lian numeron, mi ektroviĝis ĉe angulo, sur kiu staris ankoraŭ grupo de malnovaj domoj. Ili estis el ruĝaj brikoj, malgrandaj kaj malaltaj, nur kvarkvin etaĝaj. Ili ŝajnis tute fremdaj je la loko kaj epoko. Eble ili estis baldaŭ disrompotaj, por cedi la lokon al grandega konstruaĵo nubskrapema. Tie ili staris dume, mizeraj kaj vojaĝerariĝintaj, kvazau elpuŝataj kaj forpremegataj de siaj altkreskaj najbaroj.

La oficejo de mia kliento estis en unu el tiuj malnovaj domoj.

Mi penetris en mallarĝan koridoron. Ĉe ĝia fino, sub elektra lumilo, sidis la liftisto, kliniĝante super gazeto, kiun li estis leganta. Li eĉ ne ekmoviĝis je mia eniro. Apude estis malgranda lifto, kies pordo estis malfermita.

Unue mi ne povis distingi la vizaĝon de l'viro pro lia sinteno. Nur la glatigita supro de lia kapo brilis sub la kruda lumo.

— Bonan tagon ! — mi diris.

La homo eklevis siajn okulojn kaj fiksis min per malbrila rigardo. Li murmuris ion, kio verŝajne estis intencata por responda saluto.

Mi eniris la lifton. La viro nerapide leviĝis kaj demetis la gazeton sur sian seĝon. Momenton li staris senmove, eble atendante alvenon de pluaj pasaĝeroj, sed neniu alia venis. Li tiam sekvis min en la kaĝon, fermis la glitpordon. Sen iu demando li funkcigis la maŝinon supren.

— Kvin ! — elparolis mi.

Ni estis leviĝantaj en silento. Je la kvina kaj lasta etaĝo, la kondukisto haltigis la lifton kaj ellasis min. La pordo refermiĝis kaj la kaĝo same senbrue malaperis malsupren.

Mia kliento forestis. Mi revenis kelkajn fojojn, ĝis kiam mi lin renkontis. Li nenion tamen aĉetis, sed grandanime invitis min revenadi. Tial mi ankoraŭ ne malesperis ricevi de li mendon kaj mi lin revizitis kelkajn fojojn. Mi do havis pluajn okazojn por observi la strangan liftiston. Li estis sesdek-kvinjara ĉirkaŭe, altkreska, malgrasa iom dorskurba. Lia kapo, proporcie grandampleksa, kliniĝadis antaŭen, kvazaŭ tro peza por la maldika kolo. Li estis glatrazita. La vestaĵoj estis puraj, sed videble tre malnovaj kaj tute ne laŭmodaj. Kontraŭe al lia ĝenerala mieno de respektinda malriĉeco, dika ora ringo kun granda nigra ŝtono brilis sur unu el liaj fingroj. Entute, li prezentis aspekton de homo, kiu estis vidinta tempojn pli bonajn. De l' komenco ĝis la fino li restis por mi enigmulo, kvazaŭ bildo de malĝoja submetiĝo al la sorto, submetiĝo senespera, eble eĉ jam sendezira. Nenion dirante li apenaŭ rigardadis min el sub siaj hirtaj brovoj. Al miaj provoj starigi babiladeton, li respondadis per grumblo nekomprenebla, apenaŭ aŭdebla. Li certe ne estis el speco babilema.

Je mia lasta alveno en tiun domon, ŝajnis, ke la maljuna liftisto estis eĉ iom fiksanta min per rigardo pli scivolema, pli insista ol kutime. Tamen neniu sono eliĝis el lia buŝo dum la suprenveturo.

Tiun fojon, la kliento komprenigis al mi, ĝentile sed firme, ke estus tute senutile maltrankviligi lin plue.

— Mi nenion povas nun mendi, — li klarigis, — Eble alian fojon... Kaj mi tute ne volas, ke vi vane perdu vian tempon kaj mi la mian...

Mi do estis devigita adiaŭi lin, dankante laŭ kutimo, pro lia afableco.

La vendado ĝenerale malbone fartis tiutempe. Jam de kelkaj tagoj mi ne estis sukcesinta fari la plej malgrandan negocon. La ĵusa nova malsukceso estis do despli dolora, kaj mi ne estis en animstato gajega, kiam mi eliris el la oficejo kaj sonorigis por la lifto.

Dum la veturo malsupren ekŝajnis al mi, ke la liftisto rigardis min iom pli longtempe ol kutime, sed la silenton li ne rompis. Tamen, je la unua fojo, io simila al rideto preterglitis sur liaj firme kunpremitaj lipoj. Ĉu la rideto estis moka, ĉu simpatia ? Mi ne povis tion difini. Sed ho, miraklo ! La strangulo ekelparolis ion, kvazaŭ mallongan demandan frazon. Ĉar mi estis pensanta pri io alia, mi unue ne ekaŭdis, kion li diris. Aliparte, alparolo liaflanke estis tiel neatendata, ke mi ne fidis al miaj oreloj kaj rigardis lin surprizite. Balaam estis verŝajne simile rigardinta sian azenon ekparolintan sub li.

La lifto ekhaltis je la teretaĝo, sed la maljunulo ne rapidis malfermi la pordon. Certiĝinte per rigardo ke neniu estis atendanta tie, li turnis al mi sian vizaĝon. La miraklo ripetiĝis. Mi efektive eĉ ekvidis, kiel moviĝadis liaj lipoj. Per atonia voĉo li demandis :

— Ĉu vi malsukcesis, Sinjoro ?

— Jes, nepra malsukceso.

— Mi bedaŭras...

— Mi multe dankas.

— Pri nenio.

Tiam, ĉar la viro levis la okulojn al nivelo nekutima, mi sekvis la direkton de lia rigardo. Mi ekvidis blankan kartonan afiŝeton, alte alkroĉitan sur unu el la muroj de l'kaĝo. Mi ne estis vidinta ĝin antaŭe pro la duonmalhelo tie reginta. Fikse rigardante ĝin nun, mi distingis tri mallongajn presitajn liniojn :

Ne zorgu.
Ĝi ne daŭras.
Nenio daŭras.

Mia maljunulo fine malfermis la liftpordon kaj mi estis elironta. Pro subita impulso, mi ekhezitis kaj restis apude.

— Tiun afiŝeton mi tute ne estis rimarkinta antaŭe, — diris mi.

— Eble. Ne sole al vi tio okazis.

— Kiu alkroĉis ĝin tie ?

— Mi ne scias. ĝi estis jam tie, kiam mi komencis labori en tiu ĉi loko.

— Ĉu tiu devizo estas ankaŭ la via ? — demandis mi, montrante la afiŝeton per la mano.

Li ne repondis. Kun kapo klinita, li residiĝis sub la elektran lumilon. Genata, iom emociita, mi staris antaŭ li, ne sciante kion plu diri.

— Nu : — mi fine elparolis. — Adiaŭ, frato ! Tiun devizon mi penados ne forgesi.

Ŝajne pene li relevis la kapon kaj fiksrigardis min. La malpreciza rideto reaperis momenton sur la kunpremitaj lipoj. Ĉu ironion aŭ simpation signifis tiu rideto ? Kiel ajn estis, liaj grizecaj okuloj esprimis bonecon, veran nedubleblan bonecon.

— Bone ! — li fine eldiris, — ĝi utilos al vi.

— Sed, ĉu vi mem aplikas tiun maksimon ?

— Ho ! mi...

Li ne finis. Reklininte la kapon, li duonfaris malprecizan geston per la mano, sur kiu ekbrilis la dika ora ringo kun la nigra ŝtono. Ĉu li volis diri, ke li ne plu estas sentema pri ia ajn zorgo ? ke li neniun konsolon plu bezonas ?

Tute konfuzita, mi etendis al li la manon. Li ĝin prenis kaj apenaŭ skuis kun malforta, varmeta premo.

— Adiaŭ ! — mi rediris.

— Adiaŭ ! Bonan ŝancon al vi.

— La samon al vi, amiko.

Li ne respondis plu. Li nur skuetis la kapon kaj klinis ĝin pli malalten of kutime. Li eliris.

Kiam mi retroviĝis en la strato, mi tuj rimarkis kelkajn sunradiojn penetrintajn tien. Je unu flanko, ili pentris helflavece parton de alta muro ; je la alia — strion de pavimo aŭ pecon de trotuaro. Supre, altege, la ĉielo estis delikate blua. Policano, kiun mi preterpasis, estis petolanta kun knabo-gazetvendisto. Mi aŭdis, kiel iuj pasantoj estis rapide salutantaj unu la alian. La tuta ĉirkaŭantaro aperis al mi malpli senkompata, iel promesa je pli da espero pli da homamo.

Stranga kunligo de ideoj ! Je tiu momento, tute neatendite, mia imago ekelvokas malproksiman bildon.

Lando montara. En ampleksa, alta valo, inter montetoj kaj montoj, staras urbeto tute blanka pro la neĝo, brileganta sub hela vintra ĉielo. Malgraŭ la glacia malvarmo, la aglomeriĝo similas al abelujego viglema. Multajn ĉelojn mi rekonas en tiu abelujego, ankaŭ multajn el iliaj loĝantoj kaj laborantoj. Kaj jen ĉelo speciale de mi bonkonata, loĝantoj karaj...

Ridetante, mi ekadmonas min mem : Ne zorgu, ne zorgu...

Mi verŝajne neniam plu renkontos la strangan, maljunan liftiston. Sed, kiam ekkaptas min trozorgado, mi rememoriĝas pri li kaj mi image revidas la afiŝeton en la duonhela lifto :

Ne zorgu.
Ĝi ne daŭros.
Nenio daŭras.

C. R.

# La Interkonsento

De Gisela Berger.

« Kredu al mi, Eŭgeno, ĉiuj faras tion ! » Mi scias, Johano, ke ĉiuj faras tion. Sed... »

« Nenia sed, Eŭgeno ! Ne estu pedanto ! Ne farizeo ! Vi aĉetas la artiklon je ĝia plena merkata prezo. Ĉu estas via kulpo, Ke ĝi kostos post tri tagoj la kvinoblon ? »

« Ne tion ! Sed ke mi scias kaj la aliulo ne ! Ĉi tiu homo ja certe estas trompota !

« Ho sensencaĵo, Eŭgeno ! » Kial do ? Ĉiuokaze li certe vendos. Aŭ al vi, aŭ al iu ajn, tute egale ! Kaj entute, se vi havos la okazon vidi lin... »

« Mi opinias nur.... Johano, mi ne volonte faras negocojn, kiuj similas, kiel.... vi do komprenas min ! »

« Tiam, Eŭgeno, vi estis barono kaj oficiro. Tiam decis tion ! Sed nuntempe ? Nuntempe vi estis stalservisto, rajdinstruisto, ĉiĉerono, domintendanto. Al kelkaj episodoj kaj malgrandaĵoj mi tute ne pensas ! Nun vi estas ŝoferaspiranto, tute okupita profesio. Ĉu vi devas fakte esti tiel elektema ? »

« Eble vi estas prava... »

« Certe mi estas prava ! Memoru al via malgranda Lilly, kiu ne devas senti mizeron aŭ malabundon ! Vere, la sorto maldorlotis vin sufiĉe ! »

« Tio estas vera, Johano, tio estas vera.... »

« Ekkaptu reciproke !... Restas decidite, vi morgaŭ matene venos en la « Bluan erinacon », kie ni efektivigos la aferon, jes ? »

« Jes, Johano, mi venos. »

* *

Blanka, delikata infanĉambro.

« Lilly, vi devas enlitiĝi ! »

« Tuj, Betty. »

La gracia nazeto malleviĝis denove fortege deziranta inter la paĝoj kaj bildoj de la libro. Poste ŝi venas kaj allasas sin al la manoj de Betty, ne ĉiam lertaj.

« Betty ! »

« Jes, infano ? »

« Ĉu, vi havis iam ankaŭ religian lecionon ? »

« Memkompreneble, Lilly ! »

« Betty, li rakontis al ni hodiaŭ tiel mirindajn historiojn ! » Tiam post tempospaco : « Dio estas verŝajne senfine bela, Betty.... »

« Efektive, Lilly, efektive ! »

Mankas al Betty, spirita rezonanco. Sed tio faras nenion. Lilly povas belege monologi kaj sonĝi. Ŝi estas soleca infano, al kiu neniu parolas.

* *

Eŭgeno ekeniras sian loĝejon per fortikaj, energiaj paŝoj.

Estas vera, efektive vera. Johano estas tute prava. Farso estas tio, hodiaŭ ! Aŭ fiereco ! Kial do ĉiam volhavi pli purajn manojn, ol la aliaj ? Jen : Ŝia ĉambro aspektas kiel krimejo ! Kaj li volas ankoraŭ ĉiam... Neniu postulas, neniu plu kredas tion de li ! Estas ja ridinda !

Singardema, li malfermas la pordon de la ĉambro de Lilly. Jen, ŝi kuŝas en ŝia liteto kiel elfinfano ! Ŝi ridetas al li inter sonĝo kaj dormo. Li sidiĝas al la bordo de ŝia kuŝejo kaj silentas.

Mi devus babili kun ŝi, li pensas, kiel Anna babilis kun ŝi. Li ne povas tion. Estas timemo en li. Kiel ŝi vidas lin en ŝia

ĉarma infanmondo, kiu scias nenion pri la mizero de l'ekzistado ? Ĉu ellaboriĝita, maldelikata kaj neĝoja, kiel malbelega malnoblulo ?

Subite la maneto de Lilly serĉas lian manon sur la kovrilo. « Paĉjo ? » ŝi demandas el ŝia duonsonĝo.

« Jes, Lilly ? »

« Hodiaŭ estis religia leciono.... Tiel kiel vi, paĉjo tiel mi imagas.... Dion ! »

Eŭgeno aŭdas tion. Li volas rideti. Sed li ne povas. Kia ŝiro en la koro ! Li iras al la fenestro kaj ia nedifineblaĵo kortuŝas lin. Fariĝas malvasta en la brusto, liaj okuloj estas varmegaj kaj en lia koro estas sonado, kvazaŭ sonas ĉio en ĝi, kiel per arĝentaj sonoriloj, kio estis iam pura kaj bela kaj dia en la mondo ! Li revenas al la liteto de Lilly. Ŝi dormas sensupoza kaj lia animo estas emociigita ĝis la fondo. En lia ĉambro, li sidiĝas al la tablo, prenas leterbileton kaj skribas :

« Pardonu, Johano — sed mi ne venos al la « Blua erinaco ».

Trad. J. Rauscher.

---

## La Deziro Pentri

Proza poemeto de Ch. Baudelaire.

Malfeliĉa eble la homo, sed feliĉa la artisto kiun la deziro disŝiras !

Mi bruldeziras pentri ŝin, kiu ekaperis al mi tiom malofte kaj kiu fugis tiel rapide, kiel belaĵo bedaŭrata malantaŭ la vojaĝanto forportate en la nokto. Kiom de longe jam ŝi foriĝis !

Ŝi estas bela, kaj pli ol bela ; ŝi inspiras, estas nokta kaj profunda. Ŝiaj okuloj estas du kavernoj kie malprecize trembrilas la mistero, kaj ŝia rigardo lumigas kiel fulmo ; kvazaŭ eksplodo en la mallumo.

Mi komparus ŝin je nigra suno, se oni povus imagi nigran astron verŝanta lumon kaj feliĉon. Sed ŝi pli ĝuste pensigas je la luno, kiu sendube ŝin markis per sia timinda influo ; ne la blanka luno idilia, kiu similas je malvarma edzino, sed la luno malbonsigna kaj ebriiga, pendanta funde en la nokto malserena, kaj pelata de la nuboj kiuj kuras ; ne la luno pacema kaj diskreta vizitanta la dormon de la homoj senriproĉaj, sed la luno forŝirita el la ĉielo, venkita kaj ribela, kiun la Tesaliaj sorĉistinoj senkompate igas danci sur la herbo terurigata !

En ŝia eta frunto loĝas obstina volo kaj amo al kaptaĵo. Tamen, ĉe la subo de tiu maltrankviliga vizaĝo, en kiu moviĝemaj naztruoj spiras la nekonaton kaj la neeblon, eksplodas, kun nedirebla allogo, rido el granda buŝo, ruĝa blanka, kaj ĉarmega, kiu pensigas je la miraklo de belega floro naskita en vulkana tereno.

Ekzistas virinoj kiuj estigas la emon ilin venki kaj ĝui de ili ; sed ĉi tiu estigas la deziron morti malrapide sub ŝia rigardo.

Trad. Paul Lobut (Paris).

---

## Kaptiteco

De Geoffrey Chaucer.

*Okuloj viaj batas min per morto.*
*Ne eltenebla estas bel' ilia,*
*Vundbatas min ĉe l' kor sopir-ebria,*
*Sed baldaŭ min sanigus via vorto,*
*Se l' freŝan vundon tuŝus vort' magia,*
*Okuloj viaj batas min per morto,*
*Neeltenebla estas bel' ilia.*

*Mi ĵuras, ke vi estas mia sorto,*
*De l' viv' kaj morto la reĝin' radia,*
*Ĉar la fidelon pruvos morto mia.*
*Okuloj viaj batas min per morto,*
*Neeltenebla estas bel' ilia,*
*Vundbatas min ĉe l' kor' sopir-ebria.*

El la angla: K. Kalocsay.

## La cikado kaj la grilo

De John Keats.

*Neniam mortas poezi' de l' Tero.*
*Se birdoj svenas pro l' ard-suna bril'*
*Kaj serĉas freŝan ombron, sonas tril'*
*En ĵusfalĉitaj kampoj tra l' aero:*
*Cikado! En la pompo de l' somero*
*Ĝi estras, ĝi ja ne rezignas pri l'*
*Amuz'. Kaj — lace pro ŝerckantoj mil —*
*Ĝi ekripozas plaĉe sub herbero.*
*Neniam ĉesas Tera poezi'.*
*Vesperon vintran, kiam frost' glacia*
*Silenton forĝas, ŝprucas tril-fontet'*
*Ĉe l' forno: gril'! En varmo pli kaj pli.*
*Kaj ŝajnas ĝi en rev' duonkonscia*
*Cikada kant', sur herba kamp-montet'.*

## Somera mateno

De John Keats.

*Mi piedpinte staris sur monteto.*
*L'aero freŝis, plenis la kvieto,*
*Ke l' carmaj branĉoj, kiuj kun fier'*
*Modesta klinis arke al la ter'*
*Delikatpintajn tigojn rarfoliajn,*
*Ne perdis stelajn diademojn siajn*
*Ploritajn de l' Aŭroro. Kiel lan'*
*De ĵustondita greg' post freŝa ban',*
*La nuboj pure blankis, dolĉe tiris*
*Sin tra la bluaj ĉielkampoj. Iris*
*Bruet' senbrua tra l' folioj treme:*
*Ĝin la Silento naskis sopirĝeme.*
*Sed eĉ plej eta movo ne ektuŝis*
*La ombrojn, kiuj tra l' verdaĵoj kuŝis.*

El la angla: K. Kalocsay.

---

## Amerikana sprito

*Multaj homoj kredas je leĝo kaj ordo — tiom longe ke ili mem povas fabriki la leĝojn kaj doni ordonojn.* (Ottawa Herald)

*Kapitano de malgranda komerc-ŝipo volis malŝarĝi kontrabandaĵon en certa haveno. Alproksimiĝinte la doganoficiston li diris: « Joe, se mi metas sur ĉiu via okulo dekdolar-bileton, ĉu vi povus vidi? »*

*« Mi ne povus vidi », respondis Joe, kaj se mi havus unu en mia buŝo mi ne povus paroli. »* (Weekly Scotsman)

*Aŭtomobilisto estas homo kiu pensas ke lia marko estas la plej bona; dume li jam ŝparas por aĉeti alian venontjare.*

(Southern Lumberman)

# Universala Esperanto-Asocio

**Nuna stato de UEA — Nova klopodado — Nia konkurso**

Pasis la vintro. Ĝi anonciĝis kun premo kaj zorgo. Ridetanta suno esperigas kaj per la unuaj floretoj printempaj ankaŭ la kredo je pli bona tempo revenas. Ankaŭ ni rigardis tiun vintron kun stranga antaŭsento. Senlaboreco, ekonomia krizo, manko de fido, ja povas forte influi. Dank' al la penado de niaj Delegitoj, la supozita perdo estas malpli alta ol ni antaŭvidis. Al ĉiuj koran dankon ! El la oficiala informilo vi konstatas la nunan staton de l'alveno de la kotizoj. Estas 400 anoj *malpli* ol je sama epoko dum la pasinta jaro. Ni devas ilin regajni. Ne pagis ĝis nun 3300 personoj, 36% de la fina stato de 1930 (9110).

Ĝojige kreskis la kategorio de la subtenantoj kaj estas verŝajne, ke ni atingos ĝis la fino de la jaro 500. Je tiu ĉi okazo ni informas, ke malnova amiko de nia Asocio dediĉis esp. horloĝon favore de la persono registrata kiel *kvincenta subtenanto* kaj kies kotizo atingos la Centran Oficejon ĝis fino de Junio.

Laŭ la sperto de la pasintaj jaroj, ni rajtas esperi ke 1500 personoj ankoraŭ pagos el tiuj 3300 nepagintoj. Tiam estus 8200 anoj kaj por reatingi nepre la antaŭjaran staton — ĉu ni parolu pri kresko nuntempe ? — necesas varbi 800 novajn anojn. La Centra Oficejo jam entreprenis diversajn provojn kaj kun helpo de la ĉefdelegitoj vidos kio estas farebla.

Laŭ la raportoj ricevitaj de la teritoriaj oficejoj la senlaboreco malhelpas multajn el niaj anoj, repagi la kotizon. Jam ni decidis helpi al niaj Delegitoj troviĝantaj en tiu ĉi situacio. La komisiono de UEA kunveninta en Ĝenevo nun akceptis jenan proponon :

*Simplaj membroj kaj membro-abonantoj, kiuj dum du jaroj pagis en tiuj kategorioj kaj kiuj plej malfrue post Majo 1931 estas absolute nekapablaj repagi la kotizon pro ekonomia mizero, konservos sian membrecon por la kuranta jaro. Ili ricevos senpage la oficialajn eldonajojn de la Asocio, je kiu rajtigas la koncerna membreco.*

Pri la procedo aplikota, le Delegitoj de UEA estas informotaj per la Oficiala Bulteno elironta dum Majo.

Kiel vi povas vidi el la oficiala informilo, ni kapteble atingas la nombron de dumil lokoj kun Delegitoj de UEA. Mankas ankoraŭ 13 lokoj kaj en la venonta numero de "Esperanto" ni esperas anonci la registrigon kaj samtempe presigi la bildon de tiu ĉi Delegito.

---

La konkurso pri moderna varbilo pri kiu ni informis en pasintaj numeroj de Esperanto estas plilongigata laŭ decido de la komisiono ĝis

15*a de Julio* 1931

por permesi partoprenon al pli granda nombro da lertuloj. Je la fino de Marto alvenis jenaj projektoj kun jenaj devizoj :

1. Esperanto, Postulo de evoluo.
2. Veku, ho veku konstante.
3. Koni por ami.
4. C.C.P.
5. Esperanto, la facile lernebla mondhelp-lingvo malfermas al ĉiuj la tutan mondon.
6. La loĝejo de feliĉo estas en la animstato.
7. Sub la sankta signo de l'espero.
8. Persona varbado.
9. Voĉdonu por la enkonduko de Unueca Internacia Helpa lingvo.
10. Radioviolono.
11. Por batali necesas bataliloj.
12. Helada.
13. Pan Lo Ti (venis per flugpoŝto el Aŭstralio).

Krom tio venis kvar tekstoj, nekonformaj al la regularo aŭ simplaj proponoj ekster la konkurso. Ilin sendis : S-ro Paolo Bossi en Parabiago, (Italujo), F-ino Julie Ŝupichova en Praha, S-ro Pawel Kosko en Poreba, Polujo, F-ino Sophie Feinberg en Oberursel, Germanujo.

La komisiono de UEA rigardis kun granda intereso la projektojn senditajn. Inter ili estas kelkaj, ellaboritaj kun granda amo al la afero. Al ĉiuj sendintoj koran dankon !

---

Pri la libertempejoj esperantistaj ni interkonsentis kun kelkaj esp. hotelistoj. La provizora regularo estas :

1) Esperantista libertempejo estas hotelo aŭ pensiono kies estro parolas Esperanton kaj konsentas favoran traktadon al membroj de UEA.

2) Membroj de UEA kiuj deziras ripozi en esp. libertempejo povas rekte sin turni al la donitaj adresoj.

3) La kondiĉoj estas la ordinaraj kiel por aliaj gastoj, malpli rabato de 5-10%. Ĝenerale la estro devigas sin je favora servado al Membroj de UEA.

4) La libertempejoj estas elektitaj tre zorge de nia servo kaj la estroj konataj al ni. Eblaj plendoj iru al la Centra Oficejo kiu, se necese intervenos.

5) Ne estas intencata fiksi certan tempon aŭ sezonon ; por starigi renkonton internacian. Tiuokaze ĉiu estas plene libera por aranĝi sin laŭvole.

6) Post iom da sperto la servo organizas regulan renkonton de membroj libertempantaj, laŭ la ekzemplo nun provata en Ĉeĥoslovakio.

*Libertempejoj :*

(Unua listo)

*Stans* (Svislando). — Proksime de l'Lago de Kvar Kantonoj. — Pensiono Turmatt. — Pensiono po tago 6.50 Frk, kaj pli, Posedanto : S-ino Hess.

*Tschierlschen* (Svislando). — En la kantono Grizono 1400 m da alteco. Hotel Kurhaus Alpina. — Pensiono : 8-10 Frk. Posedanto : Jakob Wiesner.

*Oostduinkerke sur Mer* (Belgujo). — Grand Hotel Digue de Mer. — Posedanto : Paul Benoit.

*Sallanches* (Alta Savojo, Francujo). — En la regiono de l'Monto Blanka. Hotel de l'Esplanade. Alteco 650 m. Pensiono : Frk. fr. 40.— kaj pli. En la (somero) : 50.—.

---

Estas plezuro konstati ke la eldono de turismaj presaĵoj reviglíĝas. Ankaŭ tie ĉi ni atentigas pri la gvidlibro de la Itala Touring Klubo aperinta antaŭ nelonge « Milano kaj lagoj de Lombardio » Dezirinde estus ke tiu ĉi serio estu daŭrigota. Se subtenata de la esperantista publiko la plano certe efektiviĝos.

Ni semu kaj semu, neniam laciĝu
Ni semu kaj semu konstante ;

Hans Jakob
*Direktoro de UEA.*

# Tra la Mondo Esperantista

## Dua kunveno de la Komisiono de UEA

La komisiono de UEA kunvenis dum pasko ĉe la Centra Oficejo en Ĝenevo por ekzameni la staton de l'Asocio. De Vendredo la 3-an ĝis Lundo la 6-an de Aprilo en sep kunsidoj po 4 horoj meze, ĝi esploris financojn, administradon kaj ĝeneralan agadon. La oficejo funkciis kiel dum ordinara tago.



Sidantaj : (De dekstre :) S-ro Ed. Stettler, Prezidanto, D-ro Edmond Privat, redaktoro de « Esperanto », S-ro Paul Blaise Komisionano ; Hans Jakob. Starantaj : Ĉe pordo : S-ro Joh. Karsch, Vicprezidanto: en la mezo : S-ro Rud. Hromada, apude ĉe balustrado : S-ro Fritz Rockmann, Komisionanoj. Ekstere : D-ro Poncet, Komitatano. Supre : S-ro Sklenčka, Ĉefdelegito.

## Simpatio de U E A

Malfeliĉa akcidento trafis D-ron Privat kaj rompis al li ripon. En sama semajno nia direktoro S-ro Hans Jakob devis esti operaciata interne. Ni esperas lian baldaŭan kaj plenan resaniĝon. En lia malsano lin kuraĝiga la kora simpatio de U E A kaj la amikaj sentoj de ĉiuj, kiuj konas lian senlacan fidelecon al ĉiutaga — foje sendanka — laborado pri detaloj kaj gravaĵoj de nia kara Asocio.

(Red.)

## Kredo je la Intelekto

De D-ro Stan Kamaryt.

Konvinko, ke logiko, tio estas ĝusta rezonado estas la plej efika la plej utila metodo por veni al la Vero, tio signifas al kono de la efektivaj kaŭzoj aŭ rilatoj, estas la plej malnova opinio de filozofanta homo. Plato tion kredis tiom firme kiom sankta Tomaso el Aquino kaj kiom Descartes. Tiu ĉi plej konvinke el ĉiuj racionalistoj sciis klarigi, ke la ideo estas des pli reala, ju pli klare nia intelekto ĝin konas. Do ju pli ĝenerala estas ia koncepto, tio signifas ju pli ĝi estas abstrakta, des pli ĝi respondas al la realo. Tiu firma kredo al la homa intelekto ne malgrandiĝis depost la tempo de Descartes. Kvankam ĝi devis trairi mokojn kaj dubojn de skeptikuloj, mistikuloj kaj diverskaŭzaj negativuloj sennomaj. Restis kaj kreskis tiu fido, ke intelekto pleje helpas al ni en ekkonado de la vero.

La unuaj jardekoj de la dudeka jarcento alportis pluan firmigon de tiu racionalisma konvinko ; ili firmigis ĝin per grava elpensaĵo : La kriterio de la vero estas ĝia uzebleco. Ni scias, ke nia rezonado venis al ĝusta rezulto pro tio, ke la rezulto estas uzebla. Pri la uzebleco decidas sperto, en la plej konvinka okazo sperto eksperimenta.

Tiu ĉi konvinko donis novan kaj tre gravan apogon al la kredo je la homa intelekto. Ĝi apogis opiniojn de ĉiuj, kiuj kredas, ke oni povas ankaŭ rilatojn inter la homoj aranĝi laŭ postuloj de la intelekto. Tio signifas laŭ postuloj, kiujn la sperto trovos utilaj kaj dezirindaj. Nome la sperto ne sole pasive observata, sed ankaŭ celscie alvokata, kio signifas, eksperimente konstruata.

Oni trovis, ke ne estas ĝuste rigardi la « mi » de la homo kvazaŭ ĝi estus ia tuto en si mem kaj ke sekve sufiĉus ŝanĝi la individuojn (en iliaj kapabloj kaj precipe en ilia moralo) kaj ke per tio jam la sociaj aranĝoj transformiĝus. La glora amerika filozofo John Dewey, montris erarigan danĝeron de tia konceptado de la aferoj. La « mi-eco », la egoismo, la egocentrismo ne estas io daŭranta aŭ ekzistanta, sed ĝi estas dinamika procedo. Se oni tion ekvidas, oni ankaŭ ekvidas, ke la transformiĝoj de la socio estas la sola rimedo por kreo de ŝanĝitaj individuoj. Taŭgecon de la sociaj transformiĝoj oni povas ekkoni sole per la sperto. La intereso pri la morala plibonigo de la unuopulo kaj pri objektiva reformo de la ekonomiaj kondiĉoj sociaj tiamaniere identiĝas.

Klopodado de esperantistoj mirinde koincidas kun tiu ĉi Deweya pensmaniero. Ni proponis provi, ĉu estas ebla artefarita helpa lingvo. La sperto montris, ke ĝi estas ebla kaj ke esperanto bonege taŭgas por tiu celo. Tiu eksperimento jam finis. Sed nun estas farata la dua eksperimento : Ĉu la uzado de esperanto fariĝos ĝenerala? Temas pri jeno : Ĉu la poveblon senpere rilati kun fremdlingvano uzos tiom da homoj, ke fariĝu neebla la nuna hontinda stato, ke iu volante rekomendi ian sian plaĉon rekomendas ĝin per aserto, ke la aranĝo de li prikantata bone funkcias ie en fremdlando, kie la simpla ĵurnalleganto ne povas ion kontroli. La ĝenerala uzado de esperanto faros finon al tiu ĉi stato ne digna por socio regata per raciaj normoj. Sed tiu stato estas ŝanĝebla sole per ĝenerala enkonduko de esperanto. Ĉu ĝi okazos ? Mi ne dubas pri tio. Ĉar ĉie kaj ĉiam ni vidas, ke la socio evoluas laŭ normoj racionalismaj, tio signifas, laŭ celoj kaj metodoj, kiujn logika,

sur sperto bazita, rezonado trovis rekomendindaj pri ilia uzebleco kaj el tio sekvanta utileco.

Ankoraŭ unu sperto venis el la esperantisma movado. Por nia eksperimento estis kaj estas bezonaj miloj da homoj, kiuj lernis, uzis kaj uzas nian lingvon sole por tiu eksperimenta, prova celo, bone sciante, ke ili neniam ricevos ian ajn profiton el tiu sia decido. Kaj tamen ili estas fidelaj kunlaborantoj dum dekoj da jaroj. Tiu ĉi oferemo de miloj el nuntempuloj estas tiom granda dokumento de la samtempa idealismo enestanta en koroj de la diverskleraj kaj diversklasaj homoj, ke estas per ĝi decide refutita plendado de la malgrandkoraj hometoj pri manko de oferemo en la nuna epoko. Poresperanta laboro ne estas ĉiam agrabla. Sed scii, ke oni kunlaboras kun tiom da homoj flamantaj plialtigi la donitan nivelon kulturan sole pro sia konvinko, ke tiu nivelo estas plialtigebla, tia scio valoras la penon esti aktiva esperantisto.

(El « Progreso », Marto 1931).

---

## La plej juna membro de UEA !

Bela estas la kutimo esperantigi sian tutan familion. UEA posedas inter siaj anoj plurajn familiojn, regule kaj senintermpe pagantaj la kotizon. Ja eĉ infanojn ! Fervora ano de nia Asocio akiris antaŭ la milito la Dumvivan Membrecon por sia filino, tiam kelkjara. Sed unuafoje okazis aliĝigo ĉe naskiĝo. Estas la filo de nia agema delegito en Praha, S-ro Jaroslav Šustr, naskiĝinta 27.I.31.



*Jaroslav Šustr*

Ni esperas ke juna Jaroslavo estas same fervora kiel patro. Pri unu fakto ni estas certaj : Tiu ĉi nova ano ne plendis pri la alteco de l'kotizo !

---

## Gazeto por la 18-a de Majo

Ĉar la gekolegoj ne mendis ĝustatempe la gazeton (ni ricevis entute nur mendon de 258 ekzempleroj), la Laborkomisiono por TAGE laŭ propono de D-ro Dietterle unuanime decidis, rezigni al aperigo de la gazeto, timonte kaj la financan riskon kaj la por nia propagando malbonan impreson, se la kvanto de la venditaj Esperanto-gazetoj ne estos sufiĉe granda, por montri la disvastigon de nia movado. Sen sufiĉa garantio ni ne volas riski ion, por ne malutili al nia afero.

Eble ni povos eldoni la gazeton por 1932 kaj je la fino de 1931 denove atentigos pri ĝi, tiam esperante pli bonan sukceson.

D-ro Dietterle, Leipzig.




## Internacia Polica Ligo

### Oficiala Informilo

---

Al la anoj kaj delegitoj de Universala Esperanto-Asocio !

La estraro de la Internacia Polica Ligo direktas peton al vi, subteni la varbadon inter la policanaro por disvastigi nian lingvon inter policistoj kaj ankaŭ sukcesigi aliĝon al nia fakligo kune kun la aliĝo al Universala Esperanto Asocio.

Por ebligi ĉi tiajn sukcesojn la estraro de la Internacia Polica Ligo diskonigas al vi ties celojn :

*Akceli* la enkondukon de la lingvo Esperanto en la internacia polica servado, kunligi policistojn sciantaj nian lingvon, en politike kaj religie neŭtrala fakligo, komprenigi al la publiko la sencon de la polica laboro por solvi ĝin en harmonia interkonsento.

La kotizo kun abono de la liga revuo, kiu estas la organo de UEA. « Esperanto » pojare estas 6 RM antaŭpagota. Por ĉiuj anoj la simpla membreco al UEA. nepre estas rekomendinda. La kotizo por UEA senescepte pagota al la loka delegito de UEA.

La realigo de niaj celoj necesas, gajni grandan aron de policistoj kaj oficistoj kun polica karaktero. La ĝisnuna varbado de la ligestraro ne sufiĉe sukcesis el kaŭzoj, konataj al ĉiu vera esperantisto. La ligestraro sole ne povas atingi ĉiujn policajn esperantistojn, kiuj ankoraŭ ne konatiĝis al ĝi. Tial necesas, ekiri vojon promesante pli bonan sukceson per helpo de pliaj anoj kaj delegitoj kunligitaj en UEA en nia plej forta esperantista organizo.

Kiamaniere ni atendas tian helpon ? Depost kelkaj jaroj ekzistas la Internacia Kriminalpolica Komitato IKK el reprezentantoj de multaj registaroj kaj policestraroj diverslandaj. La komitatanoj, ĝisnun ne esperantistoj, celas pliperfektigi la kontraŭbatalon de krimuloj, laborantaj en diversaj landoj, tiucele forigi ĝisnun ekzistantajn malhelpajojn inter la diverslandaj administracioj. La estro de ĉi tiu komitato estas la iama policprezidanto de Wien kaj nuna kanceliero de Aŭstrio, S-ro Schober. Ĝi tiu komitato ankaŭ jam okupiĝis en la jaro 1923 pri enkonduko de internacia polica lingvo. Inter la lingvoj proponitaj estis Esperanto.

La oficiala organo de ĉi tiu komitato, titolita Internacia Publika Sekureco (Internationale Offentliche Sicherheit) kiu estas serĉ- kaj persekuta Revuo, ĝis nun aperas german- kaj franclingve. Pro plia partopreno de italandaj policestraroj la komitato intencas ankaŭ akcepti trian, la italan lingvon en la eldono de la Revuo. Ĉi tiu Revuo enhavas oficialajn publikigojn de la komitato, traktajojn kaj artikolojn pri problemoj kun interesaj por polico internacia, arestordonojn persekutleterojn informojn de la internacia evidenco k.t.p.

Tamen la multlingveco granddimensias la organon kaj plikostigas la eldonon. El ĉi tiu fakto jam lernis la komitatanoj, kiuj nun celas iom post iom simpligi la eldonon de la Revuo nur unulingve kaj tiucele prove aldoni esperantlingvan kolonon por fine tute esperantigi ĝin laŭ la spertoj kolektotaj.

La komitato supozas, ke la Internacia Polica Ligo garantias tiun eblecon, grandurbe tuj instrui policistojn kaj perfektigi ilin esperantlingve.

Laŭ invito de la franclanda registaro la I.K.K. aŭtune de ĉi tiu jaro kunvenos en Parizo. Al ĉi tiu kunveno la Internacia Polica Ligo intencas prezenti proponon, jam denun tute esperantigi ĉi tiun komitatan Revuon « Internacia Publika Sekureco ».

Por tiu-ĉi celo nia ligo nepre bezonas konvinkigan materialon por utiligi ĝin al nia propono. Kuraĝigite per la interkonsento kun Universala Esperanto-Asocio pri reciproka interŝanĝo de servoj ni nepre petas la delegitaron, interrilati kun policestroj kaj policistoj de siaj lokoj por doni instigon kaj konsilon aranĝi instruon de Esperanto inter la policistaro kaj tiamaniere ebligi la uzadon de nia helplingvo Esperanto en la polica servado.

Kiel eminentaj favorantoj de Esperanto el la anoj de la Internacia Kriminalpolica Komitato konatiĝis S-ro Dro Palitzsch, Dresden, prezidanto de la tutsakslanda Kriminalpolica kaj S-ro K. H. Broekhoff, polica ĉefinspektoro, Amsterdam, kiuj ankaŭ jam aniĝis al Internacia Polica Ligo same kiel S-ro Schober, por dokumenti siajn simpatiojn al niaj celoj. S-ro D-ro Palitzsch jam refoje publikigis artikolojn en fakrevuoj pledante por uzado de Esperanto kiel internacian polican lingvon.

La estraro de Internacia Polica Ligo atendas interkonsentan helpon, skribajojn amase, por pruvigi per ili la taŭgecon de la helplingvo Esperanto al la nomita Internacia Kriminalpolica Komitato.

A. Pohle,
Redaktoro de l'Oficiala Informilo.

P. Teuchner,
Admin. Direktoro,
Leipzig, 0.28. Eisenbahnstrasse 111. b.




**23-a Universala Kongreso de Esperanto**
**Sekretariejo : Lubicz 34, Kraków.**
**Poŝtĉeka konto : Warszawa 410.975.**

*Kotizo:* Zl. 44.— ; Infanoj ĝis 14 jaroj Zl. 11.— ; Helpkongresanoj, kiuj ricevas ĉiujn kongresdokumentojn, sed ne partoprenas en kongresaj aranĝoj Zl. 22.— ; Blinduloj ne pagas kotizon.

*Pagmaniero:* Per poŝtĉeko, poŝtmandato, bankĉeko, monbiletoj en registrita letero. Plej oportuna pago estas pere de Pola Poŝtŝparkaso (Pocztowa Kasa Oszczedności) al nia konto : 23 Universala Kongreso de Esperanto, Krakow, Nro 410.975. Senpera transpago estas ebla el : Aŭstrio, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Jugoslavio, Latvujo, Nederlando, Svedujo kaj Svisujo. — Kongresa banko estas : Bank Gospodarstwa Krajowego, filio Krakow.

*Garantia kapitalo:* Ni petas deklari bonvolan sumon por kovro de eventuala deficito.

*Donacoj.* LKK volonte akceptos donacojn, por plensukcesigi la kongreson. Paris : s-ino J. Neubergowa zl 10.— Sumo : 127.40 zl. — Ni korektas eraron, ke pagitaj sumoj de K. Bujwidowa, K. Roupper-towa, R. Weinsberzanka, M. Salamon apartenas al Blindula Kaso.

*Blindula kaso.* Por ebligi al niaj blindaj samideanoj senpagan partoprenon la LKK kun danko akceptas ĉiujn mondonacojn por tiu ĉi celo. Pagis : J. Neubergowa zl 13.— ; B. Gluchowski zl 2.—. Sumo zl 93.—.

*Kongresmarko.* Estas eldonita bela trikolora glumarko, kiun ni petas ofte uzi por multe propagandi la Kongreson. Unu folio kun 28 pecoj kostas 1.— zl.

*Ilustritaj postkartoj de Krakow:* Albumo kun 8 kartoj Zl. 1.

*Loĝado:* Hoteloj : Kategorio A 1-lita zl. : 15-18.50, 2-lita zl. 25-34.
Kategorio B 1-lita zl. : 10-14.50, 2-lita zl. 18-24.
Kategorio C 1-lita zl. : 8-9, 2 lita zl. 13-17.
Kategorio D 1-lita zl :. 6, 2-lita zl. 11.50.
Privataj loĝejoj : Kat. A zl. 8, B zl. 7, C zl. 6, D zl. 5.

*Manĝo:* matenmanĝo zl. 1-1.50, tag- kaj vespermanĝo 2-3 zl.

*Fervoja rabato:* Ĉiu kongresano ricevos ĝustatempe specialan rajtigilon por profiti el 50 proc. rabato sur polaj fervojoj antaŭ kaj post la Kongreso.

*Pasportoj:* Ĉiu kongresano devas posedi pasporton. Pola vizo en ĉiuj landoj senpaga.

*Ekskursoj.* Ili okazos dum kaj post la Kongreso. Specialaj mendiloj estos sendataj.

*Ojcow.* Duontaga ekskurso per aŭtobusoj al tre pitoreska valo kuŝanta inter rokoj. Malgranda eltranĉaĵo de svisa pejzaĝo. Vizitado de grotoj. Manĝo en libera aero. Vespere reveno per aŭtobuso al Krakow. — Kosto de la ekskurso kun manĝo ĉirkaŭ zl. 8.—

*Tyniec.* Duontaga ekskurso per ŝipo al monaĥejo de Benediktanoj el XI jrc. Vizitado de ruinoj. Veturo al Grodzisk, kie manĝo kaj reveno al Krakow. — Kosto de la ekskurso kun manĝo ĉirkaŭ zl. 7.50.

*Wieliczka.* Duontaga ekskurso al fame konata, plej malnova en Eŭropo salminejo, profunda je 7 minejaj etaĝoj. Vizitado de la minejo kun ĝiaj kapeloj skulptitaj en salo. Manĝo en unu el salaj grotoj. — Kosto de la ekskurso kun manĝo ĉirkaŭ zl. 7.—.

Ĉiuj ĉi supraj ekskursoj okazos dum la kongresa semajno.

*Zakopane.* Unutaga ekskurso al centro de polaj montaroj Tatry, ĉefa turista stacio. Veturo per aŭtobusoj al Morskie Oko, lago kuŝanta 1.400 m alte inter nealireblaj rokoj, kie vivas agloj kaj ĉamoj. — Kosto de la ekskurso kun tuttaga vivtenado kaj ĉiuj veturprezoj ĉirkaŭ zl 45.— (III klaso), zl. 50.— (II klaso).

*Pieniny.* Dutaga ekskurso per fervojo al Zakopane, kie la programo estos la sama kiel ĉe la ekskurso al Zakopane. Duan tagon per aŭtobuso al Czorsztyn, 4-hora vojaĝo per boatoj sur la rivero Dunajec kaj reveno al Zakopane. Kosto de la ekzkurso kun 2-taga vivtenado, noktejo kaj ĉiuj veturprezoj ĉirkaŭ zl. 95.— (III klaso), zl. 100.— (II klaso).

*Warszawa.* Dutaga ekskurso al ĉefurbo de Pollando por partopreni en aranĝoj de la Postkongreso. Vizitado de la urbo per aŭtomobiloj kaj vizitado de Wilanów. Kosto de la ekskurso kun 2-taga vivtenado, noktejo kaj ĉiuj veturprezoj zl. 105.— (III klaso), zl. 112.— (II klaso).

*Fakaj kunvenoj.* Ĝis nun estas anoncitaj jenaj kunvenoj de : Virinoj muzikistoj, pacifistoj, poŝtistoj, vegetaranoj, paneŭropanoj, Internacia Scienca Asocio. — LKK petas la arangantojn pri frua anonco, **car aliokaze ni ne povas garantii la arangon.**

*Karavanoj:* Estas anoncitaj karavanoj el Berlin, Beograd, Budapest Danzig, Milano, Parizo. Stockholm.

*Grava peto:* Ĉiuj aliĝantoj kaj korespondantoj estas petataj skribi nomon kaj adreson tre legeble kaj ĉiam ripeti la adreson.

Tadeusz Hodakowski
Ĝenerala sekretario.

---

# Internacia Postkongreso Esperantista

Varsovio : 9-11 Aŭg. 1931.

La programo antaŭvidas : Fikson de memortabulo en la domo kie loĝis la majstro, nuna strato Zamenhofa n-ro 9, kaj saman ĉe domo en strato Hoza 40 honore je verkisto Antoni Grabowski. Donacoj por tiu celo estas danke akceptataj. Solenaĵo sur la tombo de la Majstro. Gvidado kaj klarigado de la vidindaĵoj de l'urbo.

La kotizo estas ok zlotoj t.e. kvin Frankoj svisaj. Ĉiujn informojn petu de Internacia Postkongreso, Str. Widok 19 Warszawa. Pola poŝtĉeka konto : 25390 pere de S-ro Jozef Litauer.

---

# Tria Internacia

**Pedagogia Kurso de Esperanto**
**de pastro Andreo Ĉe en Krakow.**

La nunjara Internacia Pedagogia Kurso de Esperanto okazos antaŭ la Universala Kongreso de Esperanto en Krakow. La kurso daŭros de la 20 Julio ĝis 1 Aŭgusto. La kurso celas diskonigi metodon de pastro Ĉe kaj kapabligi instrui Esperanton. Plej volonte estos vidataj profesiaj instruistoj kaj personoj jam instruantaj Esperanton. Cetere oni akceptos al la kurso ĉiujn sinanoncontojn.

*Kotizo* estas 20 zlotoj. Oni sendu ĝin laŭ la adreso de Universala Kongreso de Esperanto indikante la celon. Pri pagmaniero bonvolu legi koncernan ĉapitron en la ĉi supra kongresbulteno.

*Kursejo.* Kiel kursejo servas granda prelegejo en Muzeo Industria ĉe la Smolensk-strato 9.

*Loĝado kaj mango.* Pri tio ĉi bonvolu legi koncernajn ĉapitrojn en la kongresbulteno.

*Fervoja rabato kaj pasportoj.* Organiza Komitato de la kurso klopodas, ke la kongresaj favoroj ampleksu ankaŭ la kursanojn. Detaloj baldaŭ sekvos.

*Programo de la kurso.* La lecionoj (aŭ konversaciaj horoj, kiel preferas ilin nomi pastro Ĉe) okazos antaŭtagmeze. Posttagmezoj kaj vesperoj estas destinitaj por diversaj ekskursoj, vizitadoj de la urbo kaj ĝiaj vidindaĵoj kaj diversaj aranĝoj celantaj agrabligi al la kursanoj la restadon en la urbo. Pli precizaj detaloj estos ĝustatempe diskonigitaj.

*Propagando de la kurso.* Oni petas ĉiujn Esperantistojn, kaj speciale la ĝeinstruistojn, ke ili bonvolu disvastigi tiujn ĉi informojn pri la okazonta kurso per la enlanda gazetaro. Aparte atentinda estas la faka ĵurnalaro instruista. Veku inter tiuj sferoj intereson por la bonega metodo.

Organiza Komitato.

---

**Naciaj Kongresoj 1931**

| | |
|---|---|
| Angla : | 25-26 Aprilo : Birmingham. |
| Aŭstria : | (Loko kaj dato ankoraŭ ne fiksita). |
| Belga : | 23-26 Majo : Nieuwpoort apud Ostendo. |
| Bulgara : | 19-21 Julio : Stara Zagora. |
| Ĉeĥoslov. : | (Loko kaj dato enkoraŭ ne fiksita). |
| Dana : | » » » |
| Franca : | 23-25 Majo : Dijon. |
| Germana : | 23-25 Majo : Hamburg. |
| Itala : | Septembro : Padova. |
| Jugoslava : | 24-25 Majo : Subotica. |
| Nederlanda : | 15 Marto : Utrecht. |
| Svisa : | 10 Majo : Solothurn. |

# Imitinda ekzemplo

Ĝojiĝas la koron, kiam en la nuna materialisma mondo oni renkontas idealiston kun realeca sento, ne-erarigebla per kio ajn en la sekvado de sia idealo. Certe ne estas malmultaj tiaj inter UEA. Kaj pri unu el ĝi kelkaj vortoj. Estas S-ro Antono Kudela, Delegito en moravia urbo Olomouc, malnova kaj historie ofte citata loko, tre industria kun 60000 loĝantoj. Jam de 1910 S-ro Kudela funkcias kiel



Delegito, fidele kaj persiste klopodanta. Menciinde estas ke Olomouc estas unu el la urboj kie po 1000 loĝantoj estas unu ano de UEA. Tiu ĉi proporcio se aplikita nur je triono de ĉiuj 3000 lokoj kie UEA havas anojn kreskigus ĝin al la 20000. Apud UEA S-ro Kudela aktive partoprenas la laboron de Eldona Societo « Moraviaj E Pioniroj ». Dankante tiun pioniron la estraro de UEA nomis S-ron Kudela nun 60 jara, Honoran Membron de l'Asocio.

# Internacia Libertempejo - Tendaro

Dum somero gesamideanoj, precipe junaj, ŝatas vivi en la plenaero for de la kvar muroj de ĉambro, en idilia ĉirkaŭajo, Dum la tago oni vagas inter montoj, rokoj, aŭ iras al la rivero aŭ al la marbordo por bani. Vespere en la krepusko, oni sidas ĉirkaŭ la tendara fajro, kie oni kamaradece rakontas kaj aŭskultas, por pli malfrue en la nokto, kiel patriarka paŝtisto, kanti la farojn de niaj antaŭuloj, nombrante la stelojn.

De longe oni sentis la bezonon de tia libertempejo. Jam oni aranĝas ilin en diversaj partoj de Eŭropo. Jen unu el ili ĉe Aspremont, 13 kilometrojn norde de la fama urbo Nice kaj de la Riviero. La urbeto Aspremont, supra parto Espermonto, kun nur 424 loĝantoj, nestas en niĉo de pli altaj montoj Alpaj, 530 m. super la marnivelo.

Post 30 minuta veturado vi estas en Nice, kie oni povas bani sin en la maro, aŭ de kie oni povas veturi per aŭtobusoj laŭlonge la Azura Marbordo al Cannes, unu-flanke, kaj al Monte Carlo, Menton kaj Italujo, aliflanke.

Vasta kaj belega panoramo prezentiĝas sur la valo, kie fluas la rivero Var, sur la Alpoj, sur la Mediteranea maro kaj sur montoj kovritaj de neĝo.

La vilaĝo staras sur monteto inter pli altaj montoj kaj datiĝas de la 16 a jarcento. Antaŭ tiu dato Aspremont estis sur apuda monto 700 metrojn alta ĉe la piedo de la monto Cima. Plis frue sur la supro de tiu monto staris la giganta kastelo de dukoj de Aspremont. Ankoraŭ nun oni povas vagi inter la ruinoj de la kastelo, vidi la Mediteranean maron kaj la insulon de Korsiko.

La urbeto estas centro de ekskursoj al alpaj vilaĝoj, kaj proksime estas la groto « Hareng », konsistanta el kelke da ĉambroj.

Multaj alilanduloj venas viziti dum vintro Aspremont pro la pitoreska vojo al ĝi de Nice. Ĝi estas tre agrabla restadejo dum la somero por libertempantoj, pro ĝia alteco.

Por agrabla somera libertempo en la naturo, ne estas pli trankvila kaj bela loko ol Espermonto. Tie oni trovos gesamideanojn el diversaj landoj, tage vagantajn inter la montoj kaj valoj kaj vespere ĉirkaŭ la tendara fajro. Por aliaj, kiuj preferas ortodoksan vivadon, estas domo en la urbeto mem, kie la gvidantoj de la tendaro bonakceptas gastojn.

Estas proponite dediĉi la tendojn al diversaj pioniroj de nia movado. Ni esperas havi tendojn, kun la nomoj de Mudie, Sharp, Ĉefeĉ, Bourlet, Sebert, Hodler, Bicknell, Hankel, Zamenhof, Pyke, Pollen kaj aliaj. Interne de la tendo estos poŝo en kiu troviĝos biografio de la nomito kaj ekstere estos pentrita la nomo de la karmemorato. Tiuj tendoj devas esti donacoj de societoj, interesataj havi tian monumenton antaŭ la okuloj de libertempantaj Esperantistoj.

Kiu interesata grupo aŭ individuo donacos tendon aŭ tendojn en momoro de iu forpasinta pioniro ?

Kiu intencas libertempi ĉe sia propra internacia tendaro ? Skribu al la direktoro de la tendaro : E. E. Yelland, Espermonto, Aspremont, Alpes Maritimes, Francujo. Detaloj pri prezoj sekvos.

# En kelkaj linioj



*** La Nederlandaj Anoj de UEA estos kunvokataj al Ĝenerala Kunveno, Sabaton la 6-an de Junio. Parolonto estas S-ro P. J. Vermaas, Honora Membro de la Asocio.

*** Dank'al klopodo de sro. M. Jagoda, TELA, kunlabore kun la ICK en Ĝenevo, la gazetaro en Honduraso iom post iom interesiĝas pri Esperanto. La gazetoj « La Evolucion » kaj « La Republica » regule aperigas informojn pri Esperanto.

*** Bonan ideon havis la sekretario de Laborista Esperantista Societo « Laboro » en Pollando, preparinte por la 23-a Universala Kongreso en Krakow la unuan postmilitan « ADRESLIBRON DE POLLANDAJ ESPERANTISTOJ » kune kun ampleksa « PRAKTIKA INFORMILO PRI-ESPERANTA » (ĉilasta pollingve por komencantoj kaj kiel varba materialo).

Ĝi estos bona ligilo inter la esperantistaro tutmonda kaj la samlandanoj de nia Majstro. Pro sia « Informa parto » ĝi estos ĉiam utila same por komencantoj kiel pro progresintoj kaj varbantoj, kaj pro sia « Adresa parto » ĉefe serĉata per eksterlandanoj, dezirantaj interrilati kaj korespondi kun pollandanoj.

*** La 16an de Marto, S-ro A. Baudet, prezidanto de la Komerca Ĉambro de Parizo, parolis pri Esperanto antaŭ la unuiĝo de sekretarioj de la Nederlandaj Komercaj Ĉambroj en Hago. La parolado de S-ro Baudet konvinkigis kaj bonege impresis la aŭdantaron, inter kiu estis delegito de la Ministro de Instruado kaj la Prezidanto de la Instrua Konsilantaro.

# Esperantista vivo

### Naskiĝo

*** Al Ge-sroj Ivan Kotov, Ano de UEA en Ruse, Bulgar., filineto nomita Vihra.

### Edziĝoj

*** S-ro Emeriko Rédely, ano de UEA en Budapest kun F-ino Maria Nagy, 6.4.31.

*** S-ro Teo Jung, ĉefredaktoro de l'« Heroldo de Esperanto » kun F-ino Agnes Schröder, 14.IV.31. — Koran bondeziron (Red.).

*** S-ro Alfred Rudolf Jagomägi, D de UEA en Pankjavitsa, Estonio, kun F-ino Johanna Kirŝ, 1.3.31.

*** S-ro Alfred Persson Membro 33700 kun F-ino Ingeborg Paulsson, ankaŭ anino de UEA, en Malmö, pasko 1931.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

*S-ro Hermann Göhl,* profesoro D-ro, en Neugersdorf, Sa. German.

En la Februara numero de nia gazeto ni anoncis la forpason de tiu ĉi simpatia samideano, bone konita inter la germanaj esperantistoj pro valoraj verkaĵoj kaj artikoloj. Profesoro Göhl aliĝis al nia movado en tempo, kiam publika defendo de nia afero estis riska. De 1908 li persiste klopodis en Riesa a.d. Elbe (prezidanto de la tiea klubo) kaj poste en Neugersdorf.



Apud la lokaj taskoj Profesoro Göhl multe laboris en nacia kaj ankaŭ internacia movado. La Germana Esperanto-Asocio, rekoninte liajn meritojn nomis lin Honora Membro (1930) ; li estis elektita kiel prezidanto de la Germana Akademia Esp. Ligo (1922); Prezidanto de la Ekzamenkomisiono por Saksa Lusacio kaj en 1929 li fariĝis ano de la Lingva Komitato. Ne forgesinde ke li estis ano de UEA de 1910 kaj ĝia Delegito depost 1919. Lia memoro restu inter ni !

S-ino Catharine Schwabe, anino de UEA 14795 en Hamburg, 8.3.31.

S-ro Norman Maclean, Delegito kaj DM 68 de UEA en Aguilas, provinco Murcia, Hispanujo, 24.10.1930.

S-ro Paulus Jacobus Bondix, Delegito de UEA en Amsterdam de 1919, fidela laborinto por nia Asocio, 68 jara, 11.4.31.

S-ino Marie Dubuisson, edzino de S-ro Henri Dubuisson, VD de UEA en Le Hâvre, 16.3.31.

Al Ge-sroj Georges Vanderkerken, MA en Ronse, Belg., fileto trijara.

S-ro Filliatre, patro de S-ro Petro Filliatre en Paris, redaktoro de l'Interligilo de PTT.

*Sinceran kunsenton !*

## Vivforto kaj intelekta elvolvigo

Nia vivforto ne estas koresponda al nia ĉiutaga tasko.

*Fizike* ni estas senfortigitaj, ne kapablaj longe elporti penadon kiu necesas daŭrigon kaj persistemon. Rimedoj mankas al ni.

*Cerbe,* estas same.

Ĝis nun, rezultiĝas ke sano, beleco, vivforto kaj vivlongeco estas faktoroj kiujn la moderna vivo difektas.

Certe, ilia kulturo ne donas la moralan belecon kaj la kompletan intelektan disvolviĝon. Sed ĝi preparas tute certe ĉiujn organojn je kontraŭstaro ĝis ekstremaj limoj, de kie:

a) konsiderinda produktokvanto, per ebleco de intensa laboro, sen timo je trolaborigo.

b) Ebleco de pli facila enspiritiĝo de ĉiuj utilaj konoj por la efektivigo de niaj entreprenoj, dank'al la bona fiziologia ekvilibro kiu faciligas notinde la intelektan laboron.

Estas do logike diri, ke inter du samnivele intelektaj homoj, la pli kapabla estos tiu kies fizika sano estos sufiĉe forta por permesi al li pli longan kaj lacigan laboron.

La perfekta konservado de nia organismo estas do nepre necesa por ĉiuj kaj speciale al la aktivaj homoj. Kelkaj principoj, — je ĝenerala aplikado — estas do necesaj kaj ni ekzamenos en nia proksima artikolo la eblecojn por ilin apliki. La kono de tiuj rimedoj kaj ilia individua aplikado estis pritraktitaj en broŝuro eldonita per la « Fondation Naturiste », 9 rue des Moulins, Alger, senpage sendata laŭ demando, kaj sen devigo.

## Poŝtmarkoj kun teksto en Esperanto

Al la serio de oficialaj poŝtmarkoj kun teksto en Esperanto, eldonita de la Sovjeta poŝto venas du novaj ekzempleroj, de pli alta valoro, nome de unu kaj tri rubloj. Tiu de unu rublo montras la Centran Telegraf-oficejon en Moskvo, la alia estas je l'honoro de Lenin.




La kliŝon afable pruntis al ni Firmo Frant. Štedry poŝtmark-vendisto en Praha II, Nekázanka 15. La poŝtmarkoj estas riceveblaj por Kč. 15.— la unurubla kaj 45.— Kč. por la trirubla.

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj.*

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. A. Zilver, Damrak 95, (H. & P.), nur PM., (Malrespondas bagatelajojn).

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro D-ro jur. J. C. F. Heinsius, P. C. Hooftstraat 144, L. kun Latvolando, Litovujo Ĉinujo, Japanujo, pri juraj kaj aliaj temoj.

*Berlin.* — F-ino Hertha Mathew, Petersburgerstr. 23, PI., L., k.ĉ.l. precipe malproksimaj landoj. Certe tu resp.

*Brandys nad Labem* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Zdenek Prokop, del. UEA, Benesova ulice, PM., PI., bfl. Gaz. nacilingvaj & esp. Letero per aerpoŝto same respondota. Ĉiam kaj tuj respondas.

*Buenos Aires* (Argentino). — S-ro Rodolfo G. Bosch, Estados Unidos 2540, k.ĉ.l., PI. ĉiam rapide respondas.

*Gheluwe* (Belgujo). — S-ro Marc Devolder, Vierhoeken. PI., koloritaj. bldfl., escepte Germanujo, Nederlando kaj Anglujo.

*Hodonin* (Ĉehoslov.). — S-ro Ludoviko Irsik, librotenisto kaj Del. UEA, Vystavni 24. PM., L., PI., kĉl. Tuja respondo garantiata.

*Hodonin* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Otokar Konecny, komerckomizo PI., L., kĉl. Certe respondos.

*Kamiki-Tokio.* — S-ro Hideo Jajima, studento, Kitaari Nagasaki-maĉi 477, L., PI., PM., gaz.

*Kortrijk* (Belgujo). — S-ro Karel Nys, Vaartstr. 45. PI., nur blfl, afrankita, kun interesaj PM., PM., kĉl. Ĉiam kaj certe respondos.

*Kortrijk* (Belg.). — S-ro Albert Cognie, Moeskroenstraat 11, L., PI.,

*Kortrijk* (Belgujo). — S-ro Paul Goethals, Beheerstr. 77. PI., bfl., k.ĉ.l. escepte Germanujo kaj Ĉeĥoslovakujo. Respondo garantiata.

*Meknes* (Maroko). — S-ro G. Courtois, Brasserie du Marché, PM., marokajn kontraŭ aliaj de ĉ.l.

*Ostende* (Belg.). — S-ro Maurice Hessens, 38 Eendracht straat, PI.,

*Philadelphia-Penna.* — S-ro Rosenberg, Station O. Box 3412, k.ĉ.l pri div. temoj ; gaz. Certe respondas.

*Plock* (Pol.). — S-ro S. Guterman, ul. Szeroka 47 PI., k.ĉ.l.

*Porlamar-Margarita* (Venezuelo). — S-ro Eleuterio Roŝario Campo, PM., kvanto kontraŭ kvanto.

*Praha XIX* (ĈSR). — S-ro V. Sedlaĉek, studento de Alta Komerca Lernejo M.S.K., PI., pri studentoj, komercsciencoj, ekonomiaj aferoj, Ĉiam respondos.

*Praha II.* — S-ro Jan Tomanek, studento de Alta Komerca Lernejo, Horskà 3 V.Ŝ.O., PI., bfl., precipe kun F-inoj, interŝanĝas studad-programojn de samlernejoj kaj geografiajn landkartojn. Ĉiam respondos.

*Praha-Zizkov* — S-ro František Kouba sekretario, Riegrova 35, PI., PM. kun seriozaj eŭropaj filatelistoj. Ne sendas unue.

*Praha-Strasnice* 94 (Ĉehoslov.). — S-ro Karel Straka PI., PM., esp. gaz. k.ĉ.l. certe resp.

*Rakvere* (Estonio). — S-ro Mihkel Jürgenson, Aleksandri 27, PI., k.ĉ.l. ĉiam resp.

*Stuttgart-Bottnang* (Germanujo). — S-ro Ludwig Heintz, Gallen-klingestrasse 25, L., PK., PI., h.ĉ.l.

*Saint-Maur-des-Fossés* (Francujo, Seine). — S-ro Ch. Meyer, 3, rue du port au Fouarre. Petas al la gesamideanoj de la tutmondo sendi al li per leteroj kaj fotografajoj, la nomon de urbo el ilia lando posedanta 57 ĝis 60 miloj da loĝantoj, kaj diri al li kiamaniere oni batalas kontraŭ la brulego (incendie, Brand, burn) la nombro de la fajrbrigadanoj la ilaro uzata, k.t.p. sendos por rekompenco kelkajn belajn vidajojn el Paris kaj St. Maur.

*Tomsk* (Siberio). — S-ro Aurenius Anatal, Zateevskij per 3., kv. 3. Artaj PI., (naturbildoj, skulpatĵoj k.s.).

*Yper* (Belgujo). — S-ro Gauquier Hector, Del. de UEA, Hondstraat 15, deziras korespondi : PI., L., k.ĉ.l.

*Yper* (Belgujo). — S-ro D'haenen Frans, Cartonstraat 8, deziras korespondi : PI., L., k.ĉ.l.

*Zaragoza* (Hispanujo). — Frateco Esperanta Societo — Str. Roda 14 y 16. Kelkaj gesamideanoj deziras korespondi kun la tuta mondo. Nepre respondos.



## Petoj kaj Proponoj

*Anstataŭ revolveron* aĉetu « 5000000 ». Prezo Frk. svis.

*Ĉu estas la kapitalo* ? — Bonvolu vin turni al S-ro Walther Petzold, 1 Hindenburgstr. Schleiz, Germanujo, Thüringen.

*Diskoj.* — Estas eldonata de fama fabriko unuaklasa gramofondisko el tute novspeca fleksebla materialo kun « La Espero » ludita de granda orkestro kaj kun la bonkonata bildario el la opero « La Sorĉa Fluto » de Mozart, kantita en Esperanto. La disko estu en ĉiu grupo, ĝi estu vendata ankaŭ en ne-Esperantistaj rondoj, por montri, kiel bele sonas Esperanta kanto kaj kiel taŭge ĝi estas por internacia uzo. Prezo de la disko Dolaro 1.— afrankite. Revendistoj ricevos rabaton. Solvendo per Komercista Esperanto-Unio Dresden-Radebeul

*Ekspozicio.* — E. Hollmann, instruisto, Bünde i/W, Holtkampstrato 64, Germanujo, kolektas por aranĝota E. ekspozicio senpagajn specimenojn de E. gazetoj, gvidiloj kaj reklamiloj de la tutamondo. Kiu samideano skribos ilustritan poŝtkarton ? Kiu eldonejo sendos kovrilojn de libroj ? Koran dankon antaŭe al ĉiuj !

*Familia pensiono.* — S-ino L. Decourt (vidvino de esperantisto), 41, rue de Paris, Vanves-Paris ; ĝardeno, plena komforto, ne-karaj prezoj.

*Francaj Esperantistoj.* — Ne prokrastu. Aliĝu al la « Radio-Club Espérantiste de France », la centra franca informejo por radio kaj Esperanto, delegita de la Internacia Radio-Servo. Adreso : Henri Favrel, 27 rue Pierre Guerin, Paris 16.

*Kial esti malsana.* — Legu « La Granda Leĝo de Resaniĝo » (E. Geraldine Owen) kaj trovu la certan rimedon por liberigi vin. — Prezo : 1 Frk. sv. Havebla de : The London Unity Centre, 78 Lancaster Gate, London W. 2.

*La plej grava problemo de la homaro.* — Kiel ni en nia nuna situacio devas pensi kaj vivi por akiri la pacon kaj por krei pli feliĉan mondstaton. Presitaj sciigoj riceveblaj de Universala Pacifista Ligo, Mathildenstrasse 9, Flensburg, Germanujo.

*Libroj malnovaj.* — Mi kore dankus la spertajn samideanojn, kiuj bonvolus informi min pri la valoro de du malnovaj libroj : Unu estas verkita en malnova hispana lingvo kaj rilatas al la episkopaj leĝoj de Urgel (Hispanujo). Ĝi estas eldonita en Barcelona dum la jaro 1632. La alia estas verkita en latina lingvo kaj rilatas al la inkvizicio. Ĝi estas eldonita en Napoli dum la jaro 1661. La du libroj estas haŭtbinditaj. Sin turni al S-ro L. Huguet, Avenue de la République, Meknés (V.N.) Maroko.

*Placo Zamenhof.* — La GRUPO ESPERANTISTA (VERDA STELO-UNUA KONGRESO) de Boulogne-sur-Mer petas la samideanojn, precipe la ĉeestintojn de la UNUA KONGRESO ke ili bonvolu helpi al la starigo de lado je la honoro de Doktoro ZAMENHOF sur la PLACE ZAMENHOF voĉdonita de la Urba Konsilantaro de Boulogne-sur-Mer pro memoro de la UNUA ESPERANTISTA UNIVERSALA KONGRESO EN BOULOGNE (Aŭgusto 1905)

Donacoj estos akceptataj :

Compte chèque postal Lille N° 27587 Victor Haignère 40 rue d'Isly, Boulogne-sur-Mer.

*Slavek.* — adresŝanĝo : Bonvolu noti mian novan adreson : Jan Ev. Slávek, Praha XII, Korunni ĉp. 2177, Ĉehoslovensko.

*Ŝakistoj-Esperantistoj* ! — Mi deziras interrilatojn kun ŝakistoj-esperantistoj de la tuta mondo por diskuti diversajn ŝakdemandojn aŭ por ricevi kunlaborajojn, speciale leteretojn pri la ŝaka vivo diversloka, publikigotaj en la de mi gvidata Esp.-fako de « Schackvärlden » (La Ŝakmondo). Kunhelpu al prilaboro de la ŝaka kampo favore al Esperanto ! Skribu al Trosten Lindberg, Prassebo (Svedujo favore al Esperanto ! Skribu al Torsten Lindberg, Prassebo (Svedujo).

## 20a Belga Esperanto-Kongreso

*Nieuwpoort apud Ostendo, 23-26 de Majo 1931.*

Tre alloga estas la urbo de la proksima belga kongreso. Lokita apud la maro, je kelkaj kilometroj de Ostendo, ĝi estas tre facile atingebla por la geesperantistoj de la najbaraj landoj. Ili estas kore invitataj kunfesti kun la belgaj samideanoj ilian nacian kongreson, kies programo estas tre interesa; ili povas estis certaj pri afabla akcepto kaj agrabla restado.

La kongreskarto kostas 2 belgojn; la festeno 7 belgojn; la lunda komuna tagmanĝo en Oostduinkerke 4 belgojn. Ĉambroj estas haveblaj po 5 belgoj po persono.

La aliĝojn kun mono oni havigu al S-ro. Léon Braet, 6. Longa Strato. Nieuwpoort - Ostendo. Ĉekkonto n° 642.48; telefono n° 255.

**ESPERANTO**

**REDAKCIA INFORMO**

La redakcio resendas manuskriptojn se tio estas postulata de la verkinto. Lasta tago por aperi en la numero de la venonta monato estas la 15a sub la kutima rezervo de disponebla loko. Respondecas pri artikoloj ĝeneralaj la subskribinto, verkinto aŭ tradukinto. Pri la enhavo aŭ celo de reklamoj ni ne akceptas respondecon. Estas principe malakceptataj reklamoj kaj tekstoj kiuj povus malutili al la bonfamo de la Asocio kaj de ĝia gazeto.

La abonoj komenciĝas en januaro. Estas akceptataj nur tutjaraj abonoj. Simpla abono kostas 10 Frk. sv. sen favorprezoj. Aperintaj numeroj estas postsendataj.

Svisa Poŝtĉeko: Genève. I. 2310

**ADMINISTRA INFORMO**

Unu numero: 1.— Frk. sv. pagebla per respondkuponoj. Koresponda anonceto (maksimume dek vortoj) 1.25 Frk. Anonceto (Petoj kaj Proponoj) dek vortoj 2.00.

Reklamo: Tuta paĝo 200.— Frk. 1/2 paĝo 100 Frk.
1/4 paĝo 50.— Frk. 1/8 paĝo 25 Frk.
1/16 paĝo 12.50 Frk. 1/32 paĝo 6.25

Rabato ĉe plurfoja enpreso de sama anonco laŭ interkonsento. Al makleristoj rabato de 20 %. — UEA: Simpla membreco 5.— Frk. Kun la gazeto ĉe samtempa aliĝo 12.50 Frk., Subtenanto: 25 Frk. sv., Dumviva Membro: 300 Frk. sv. pagebla en tri partoj dum daŭro de 3 jaroj.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT: A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE